# der esperantist

Mitteilungsblatt der Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund

5. Jahrgang Nr. 42 Juni–August 1970 30 Pf


K. Kalocsay

## ENGELS

(1820 – 1970)

Amik' de Marx, amiko ol frato pli amika,
Subteno kaj kunulo en lukto kaj en kreo,
Kunulo en akuzo pri laborsklava veo,
Kunulo en malkovro de l' mond' dialektika.

La mondon Hegel kaptis, kaj en sistem' unika
Ĝin knedis konsistanta nurnure el ideo.
Tez', antitez', sintezo, kaj neo de la neo:
Pens' leĝoj regis mondon el nura pens'logika.

Sistem' mirinda estis, sed sur la kap' ĝi staris,
Ĝis la du filozofoj la grandan turnon faris,
Starigis ĝin, reale, de l' kap' al sur la plandoj:

Mond-leĝoj regas penson, spegulon de l' mond-sfero
Kaj la sistem' turnita ekstaris, kaj tra landoj
Ekmarŝis firmapaŝe, triumfe, por konkero.

**Prof. S. N. Podkaminer. Leningrad**

# LENIN kaj Esperanto

*Ni tre ĝojas, ke nia organo „der esperantist" ricevis la rajton publikiĝi vere sciencan kaj objektivan studon pri la multdiskutita problemo de la eventualaj rilatoj de V. I. Lenin al Esperanto.*

*Profesoro S. N. Podkaminer, la eminenta soveta esperantisto, senpasie kaj sobre analizas la realajn faktojn kaj komparas ilin kun la legendoj, kiuj helpe de kelkaj esperantistaj gazetoj bedaŭrinde forte enradikiĝis. Ni esperas, ke ĉisuba analizo nun finfine fortiros la bazon por la multaj nefidindaj kaj kontraŭdiraj „rememoroj", supozoj kaj asertoj. La red.*

## 1. Enkonduko

Dum multaj jaroj en esperantista kaj neesperantista gazetaro estas pridiskutata la rilato de Lenin al Esperanto. Nuntempe okaze de la jubilea datreveno de la 100-jaro de la Lenin-naskiĝo tiu-ĉi diskutado plioftiĝas. Kaj tiu-ĉi fakto estas komprenebla: eĉ kontraŭuloj de Lenin estas devigataj agnoski, ke li estis unu el la plej grandaj revoluciuloj kaj pensuloj de ĉiuj epokoj. Estas klare, ke aprobo aŭ malaprobo de Esperanto flanke de Lenin havus tre gravan signifon por la evoluo de la esperantista movado en la socialismaj landoj kaj unuavice en Sovet-Unio mem.

Estas notinde, ke la aŭtoroj, kiuj okupas sin pri tiu-ĉi temo, staras sur du absolute malsamaj pozicioj: unuj asertas, ke *Lenin estis konvinkita kontraŭulo de Esperanto,* aliaj, ke *Lenin estis fervora adepto de Esperanto.* Kaj kelkiuj kategorie insistas, ke *Lenin estis esperantisto* kaj eĉ prelegis esperantlingve dum iuj gravaj kunvenoj.

Kaj kion diras la plej fidindaj atestantoj-faktoj kaj dokumentoj? En la moskva instituto de Marx-Engels-Lenin (IMEL), la plej grava marksismo-leninisma, scienco-esplora, institucio, estas zorge kolektataj, studataj kaj publikigataj ne nur ĉiuj verkoj, paroladoj, eldiroj de Lenin, sed eĉ la plej malgrandaj liaj notoj kaj skribaĵoj. Forestas iu dubo, ke, se Lenin ie kaj iam estus esprimînta, ĉu buŝe, ĉu skribe, sian opinion pri Esperanto, ĉu pozitive, ĉu negative, la postsignoj, se ne precizaj atestaĵoj de tiuj eldiroj, troviĝus en la Instituto.

Dum la lastaj 6 jaroj la Instituto trifoje respondis pri tiu-ĉi temo al leteroj, senditaj de sovetiaj kaj eksterlandaj esperantistoj. La lasta respondo estis sendita en la jaro 1968 al la esperantistoj de GDR. En ĉiuj tri respondoj estas substrekite, ke en la Instituto forestas iu ajn eldiro de Lenin rilate Esperanton. Samtempe la Instituto agnoskas la ekziston de multaj memorverkoj, kiuj enhavas tute malsamajn asertojn: iuj el ili emfazas simpation de Lenin al Esperanto, aliaj karakterizas la rilaton de Lenin al Esperanto kiel negativa. Ni analizu kelkajn el tiuj ĉi asertoj, komencante kun la negativaj.

**2. Lenin-kontraŭulo de Esperanto?**

Dum la lastaj jaroj aperis en la soveta gazetaro kelkaj artikoloj, kies aŭtoroj kategorie deklaras, ke Lenin estis kontraŭulo de Esperanto. La unua artikolo aperis en la jaro 1957 en la revuo *„Junulara gazetaro" (Nr. 8–9)*. Ĝi estis malkompetenta kaj ne dokumentita „verko" de iu *O. Loginova*, en kiu ŝi, ne kaŝante sian malestimon rilate Esperanton, citas artikolon de *E. Didrikil*, kiu laŭ ŝia aserto ĉeestis en la jaro 1913 en Bern (Svislando) prelegon de Lenin, dediĉitan al la nacia problemaro. *Didrikil* asertas, ke Lenin, tuŝante la problemon de la lingvo de la estonta socio, diris: *„La revoj pri artefarita unusola internacia lingvo, pri iu „Esperanto" aŭ „Volapük" estas utopio. Ne artefarita estos la lingvo de la venonta socio. La problemo de la lingvo estas solvebla duvoje: aŭ unu el la lingvoj de la grandaj kulturaj nacioj, la angla, germana, franca, eble ankaŭ la rusa, fariĝos komuna lingvo por ĉiuj popoloj, aŭ ĉiuj popoloj ekposedos 3–4 lingvojn kaj uzos ilin."*[1])

Ni supozu por unu momento, ke Didrikil ĝuste rememoris la vortojn de Lenin. Tio signifus, ke Lenin ne kredis, ke Esperanto estos unusola lingvo de la unuigita homaro en la socio de la estonto. Sed la esperantistoj, komence de la Bulonja deklaracio (1905) kaj ĝis nun, neniam proponis Esperanton, kiel unusolan lingvon, sed nur kiel lingvon duan por ĉiu. Sekve oni ne povas konsideri la cititan frazon de Lenin (se eĉ ĝi estus eldirita) kiel neon de la rolo de Esperanto, kiel moderna internacia lingvo, ilo de interkompreno de diverslingvaj popoloj.

Tamen Didrikil diris malveron kaj elpensis la vortojn de Lenin. En la jaroj 1912–1914 Lenin loĝis en Krakow kaj Poronino (Polando) kaj multe laboris pri la nacia problemo, ofte tuŝante la lingvan demandon. De tiu-ĉi periodo postrestis multaj materialoj kaj tezoj de la prelegoj, referaĵoj, kritikaj notoj k. t. p.

Tiuj-ĉi materialoj pri naciaj problemoj, inkluzive la lingvajn, estas eldonitaj de IMEL en la XVII-a kaj XXX-a volumoj de *„Lenina artikolaro"*. En la enkonduko al la XXX-a volumo la redakcio notas: *„... la dokumentoj de la XVII-a kaj XXX-a volumoj permesas kun senmanka kompleteco respeguli la enhavon de 4 paroladoj de Vladimir Iljiĉ pri la nacia problemo en la jaroj senpere antaŭintaj la militon"*[2]) (Sekve, inkluzive la Lenin-prelegon en Bern en la jaro 1913, pri kiu skribas Didrikil-S. P.). En ambaŭ volumoj oni ne trovas eĉ mencion pri Esperanto. Sed rusa proverbo diras: „Ne estas fumo sen fajro". Tial estas tre interese esplori, kion tiutempe diris aŭ skribis Lenin, se ne pri Esperanto, do eble pri iuj apudaj problemoj.

En la plena verkaro de Lenin nur unufoje estas meciita la problemo de la tutmonda lingvo: en la tezoj unufoje estas meciita la problemo verkitaj de Lenin en la jaro 1914, estas skribite:

*„La tutmonda lingvo eble estos la angla, sed eble + la rusa."* [3])

La saman frazon ni renkontas ĉe Lenin, ankoraŭ en alia materialo. En la XXX-a volumo de „Lenina artikolaro estas presite: *„Nacia problemo (Tezoj laŭ memoro)"*. La redakcio aldonas jenan piednoton: *„Tezoj de Lenin ‚Nacia problemo' estis skribitaj de li, evidente, post lia referato en Parizo la 23-an de januaro 1914."*[4])

En tiu-ĉi tezoj Lenin, analizante la proceson de disvastiĝo de la angla, franca kaj germana lingvoj, substrekas la eliminon de unuj lingvoj per la aliaj, indikas jenajn ciferojn, montrantojn, kiom da milionoj da

homoj posedas la menciitajn tri lingvojn kaj kiel tiuj ĉi kvantoj kreskas dum la periodo 1800—1900:

Ni citu Lenin:

„*Ekzemplo:* elimino:

| | *angla* | *franca* | *germana* |
|---|---|---|---|
| 1800: | 20 | 30 | 30 (=80) |
| 1900: | 125 | 40 | 70 (=235) |

*(tutmonda lingvo eble estos la angla, sed eble + la rusa).*"[5])

Sed nun la aŭtoro aŭdas protestvoĉon de iu severa leganto: „Vi volas kondamni Didrikil pro falsigo de la historio, tamen vi skribas pri la referato de Lenin, legita en Parizo en la jaro 1914. Kaj Didrikil mencias pri la referato, kiun li aŭskultis en Bern, en la jaro 1913!". Jes, la aŭtoro skribas pri la referato, prelegita en la jaro 1914 en Parizo, ĉar *nur tie kaj nur tiam* Lenin diris ion, se ne pri Esperanto, do almenaŭ pri la lingvo tutmonda. Nun ni transiru al la jaro 1913 kaj al Bern.

Sed antaŭ ol transiri al tiu-ĉi fakto, estas necese emfazi la atendindan modestecon, kun kiu Lenin esprimis sian penson pri la tutmonda lingvo de la unuigita homaro, substrekante en unu linio dufoje per la vorto *„eble"* la necertecon de la konsiderata solvovojo. Kaj nun pri Bern.

En la jam kelkfoje menciita XXX-a volumo de „Lenina artikolaro" sur la paĝoj 42—45 estas publikigitaj la leninaj *„Planoj de referato pri nacia problemo. Julio 1913. Bern"*.

El la komentariaj piednotoj de la redakcio (paĝo 45) ni ekscias, ke en la unuaj tagoj de julio 1913 Lenin alveturis en Svislandon, en Bern. La 9-an de julio li prelegis pri la nacia problemo en Zürich, la 10-an en Ĝenevo kaj la 13-an en Bern. Neniu alia prelego de Lenin en Bern en la jaro 1913 havis lokon.

Sekve, temas pri tiu-ĉi referato, kiun aŭskultis Didrikil. Lingvaj problemoj okupas en tiu-ĉi referato relative modestan lokon. Lenin mencias la problemon de la popola lingvo kaj de la latina. Poste li tuŝas la demandon de Svislando kaj ĝiaj lingvoj respektive de la naciaj kondiĉoj. Fine Lenin primokas provojn revivigi la provencalan lingvon en Francio kaj la lingvaĵon „Plattdeutsch" en Germanio, nomante tiujn-ĉi provojn „strangaĵoj". Neniu vorto ne nur pri Esperanto, sed eĉ pri la tutmonda lingvo!

Sekve evidentiĝas, ke kiam Didrikil aŭskultis Lenin 1913 en Bern, li tute ne tuŝis la problemon de la tutmonda lingvo, des malpli Esperanton. Kaj kiam Lenin parolis pri la tutmonda lingvo, en Parizo en la jaro 1914. Didrikil ne ĉeestis la referaton. (Li eĉ ne per unu vorto mencias tion).

Ni povas fari kelkajn konkludojn:

1. *Ne ekzistas iu ajn pruvo, ke Lenin en la jaroj 1913 kaj 1914 esprimis iun negativan opinion kontraŭ Esperanto, kiel internacia lingvo, la dua por ĉiu homo;*
2. *En la jaro 1914 Lenin esprimis opinion, sed ne kategorian, ke la rolon de la tutmonda, sola lingvo de la estonta socio povos eble ludi la angla lingvo aŭ sole aŭ kune kun la rusa lingvo;*
3. *Eĉ tiun lastan opinion Didrikil ne povis aŭdi, sed nur legi pri ĝi.*
4. *Tial la citaĵo, atribuita de Didrikil al Lenin rilate Esperanton estas sendube falsaĵo, eble bazita sur eraro de Didrikil mem, kiu miksis Bern kaj Parizon, la*

*jaron 1913 kaj 1914, leninan eldiron pri la tutmonda lingvo kaj siajn proprajn kontraŭesperantajn ideojn. Aŭ eblas, ke ĝi ne estas eraro, sed konscia falsigo de la faktoj por spekulaciante per la nomo de Lenin, malhelpi la progreson de la esperanta-movado, kiun Didrikil malsimpatiis.*

Tamen tiu-ĉi falsaĵo fariĝis la ĉefa fonto, el kiu ĉerpas siajn „argumentojn" la kontraŭuloj de Esperanto. Krom la jam supre menciita artikolo de O. Loginova, en la jaro 1964 aperis ankoraŭ du artikoloj, bedaŭrinde en seriozaj sovetiaj revuoj, kies aŭtoroj, bazante sin je la „faktoj" sciigitaj de Dedrikil, kategorie asertis la negativan rilaton de Lenin al Esperanto. La unua el tiuj ĉi artikoloj apartenis al *F. V. Tadevosjan. (Problemoj de la historio de KPSU Nr. 4/1964).* La aŭtoro, tuŝante interalie la problemon de Esperanto, ripetas la vortojn de Didrikil. La dua artikolo estis skribita de antaŭ nelonge mortinta fama kontraŭulo de Esperanto, profesoro *M. Kammari.* La tuta artikolo, aperigita en la revuo *„Komunisto de Estonio" (nr. 7/1964, pĝ. 66—71)* estis plenplena de malĝustaĵoj, kripligoj, arbitraj konkludoj kaj simple elpensaĵoj rilate Esperanton kaj la esperantistojn.

La kritiko de tiu-ĉi „verko" estas ekster la kadroj de tiu-ĉi artikolo. Sed necesas emfazi, ke Kammari, citante la asertojn de Didrikil, aldonas: *„Ĉe mi persone tiuj-ĉi rememoraĵoj kaj la ĝusteco de la interpreto de la menciitaj eldiroj de Lenin ne elvokas kaj ne povas elvoki iujn ajn dubojn . . ." (!? S. P.)*

Tamen, dezirante plifortigi la impreson de la Didrikil-falsaĵoj, Kammari aldonas alian citaĵon de Lenin. Kritikante la verkon de Kaŭtski kontraŭ Baŭer pro malklara, nemarksista terminologio, Lenin skribas: *„Por kio necesas anstataŭ tio, iu abrakadabro, iu nova Volapük."*[6]) „Jen, kiel rilatis Lenin al Volapük, do al artefarita lingvo!" — triumfe ekkrias Kammari. Oni povas nur levi la ŝultrojn pro tiuspeca artifiko, maldeca por serioza sciencisto! Ciu pli malpli klera homo scias, ke post la malsukceso de Volapük, aperis multaj diversformaj mokesprimoj. La vorto Volapük mem ĉesis esti nur la propra nomo de la lingvo sed transformiĝis ankaŭ je la nomo komuna, sinonimo de iu abrakadabro, sensencaĵo. Hungara komponisto Kalman nomis heroon de unu el siaj operetoj ridindan kaj malsaĝan princon Volapük. Estas tute klare, ke Lenin uzis tiun-ĉi vorton, ne pensante pri la internacia lingvo, sed simple karakterizante la pezan, malkompreneblan terminologion de Kautski. Malfacilan taskon havas, evidente, kontraŭuloj de Esperanto, se ili devas apliki similajn metodojn por kritiko de la lingvo.

Multe pli grava estas la atesto de la *fratino de Lenin, M. I. Uljanova,* kiu en artikolo skribita en la jaro 1928, notis, ke Lenin kelkfoje esprimis malfavoran opinion pri Esperanto, nomante ĝin tro artefarita, simpligita, malviva.[7])

Bedaŭrinde M. I. Uljanova ne skribis kiam kaj kielokaze Lenin esprimis tiun-ĉi opinion. Sed estas sendube, ke temis pri la ebla rolo de Esperanto, funkcionta kiel tutmonda kaj sola lingvo de la homaro en la estonta socio. Alie oni tute ne povas kompreni vicon da faktoj, montrantaj pozitivan rilaton de Lenin al Esperanto kiel internacia moderna lingvo kaj al la sovetia esperanto-movado. Pri tiu-ĉi faktoj estos skribite pli sube.

La edzino de Lenin, *N. K. Krupskaja,* kvankam tute nenion skribinta pri la rilato de Lenin al Esperanto, tamen mem esprimis malfavoran opinion pri iu artefarita

lingvo ĝenerale. Laŭ ŝia vidpunkto artefarita lingvo ĉiam estos malriĉa, malviva, malvarma kaj mizera. Tamen ŝi ne neis, ke Esperanto povas esti utila por la interhomaj ligoj, sed ne povis imagi, ke juna homo diros amvortojn en Esperanto al sia amatino kaj ke patrino kantos esperantlingve lulkanton al sia infano. [8])

Al tiu-ĉi ne tute malfavora rilato de N. K. Krupskaja al Esperanto estas interese aldoni sekvantan fakton.

En la fino de la pasinta jaro eldonejo de la Centra Komitato de la tutsovetia komunista junularo *„Juna Gvardio“* aperigis libron pri korespondado de N. K. Krupskaja kun sovetiaj infanoj dum 1924 bis 1939. Por la libro oni elektis la plej interesajn leterojn de la infanoj kaj kelkajn respondojn de Krupskaja. Inter tiuj-ĉi leteroj estas unu, skribita en decembro 1928, de infanoj el la urbo Barnaul (Altaja regiono). La infanoj informis pri ilia studado de Esperanto kaj korespondado per Esperanto kun germanaj infanoj. Al tiu-ĉi letero la redakcio donis jenan atentindan rimarkon piednotan:

*„La lingvo Esperanto-internacia helplingvo, kreita en 1887. La facileco de Esperanto kaŭzis ĝian konsiderinde grandan disvastiĝon. Ĉe ni Esperanto precipe disvastiĝis post la Granda Oktobra Socialisma Revolucio. En la 20-aj jaroj ĝin lernis multaj pioniroj kaj lernantoj. Ili organizis rondetojn de la lingvo Esperanto. Kun helpo de tiu-ĉi lingvo geknaboj korespondis kun pioniroj de aliaj landoj. Altan aprezon de la internacia lingvo Esperanto kiel ligilo por la alproksimiĝo de la popoloj donis A. M. Gorkij.“* [9])

Resumante tiun-ĉi parton de la artikolo, necesas konkludi en konkordo kun la respondoj de IMEL, ke *forestas iu ajn bazita atesto, pruvo aŭ dokumento pri negativa rilato de Lenin al Esperanto, kiel moderna interpopola komprenilo, lingvo dua por ĉiu.*

### 3. Lenin — ĉu parolinta Esperanton?

Nun ni transiru al la analizo de la asertoj diametre kontraŭaj, kies aŭtoroj penas pruvi, ke Lenin ne nur favoris Esperanton kaj kelkfoje publike deklaris pri tio, sed eĉ mem estis esperantisto kaj iufoje prelegis esperantlingve.

Oni povas facile kompreni, kiom alloge estas por la esperantistoj precipe en la socialismaj landoj, konsideri Lenin samideano kaj favora adepto de nia lingvo. Sed tamen oni devas ne forgesi la tre grandan respondecon de similaj asertoj, kiuj okaze de ilia malĝusteco aŭ la neeblo konfirmi ilin per nerefuteblaj faktoj kaj dokumentoj, donas fortan armilon en la manojn de niaj kontraŭloj kaj anstataŭ helpi al nia movado, tre malutilos al ĝi.

Precipe la singardemo estas necesa rilate al asertoj publikigitaj en la esperanta gazetaro.

La plej aktiva disvastiganto de la aserto pri la esperantisteco de Lenin estas malnova latva esperantisto, veterano de nia movado, *Ints Ĉaĉe*. Liaj artikoloj, dediĉitaj al la rilato de Lenin al Esperanto, jam aperis *en kelkaj esperantaj revuoj,* inkluzive *„Esperanto“ de UEA, „The British esperantist“* kaj aliaj. En siaj rememoroj Ints Ĉaĉe skribas, ke en la jaro 1918 *„la persona sekretario de Lenin, la poligloto kapitano Ernest Karloviĉ Drezen... avizis min, ke por sabato, la 13-an de aprilo je la 13-a horo, Lenin invitas la reprezentantojn de la Societo* (temas pri la tiama societo „Espero“-S. P.) *viziti lin en la Instituto „Smolnij“* [10]). Laŭ la asertoj de Ĉaĉe tiu-ĉi renkontiĝo okazis.

La reprezentantoj estis la konata esperantisto. poeto *V. N. Devjatnin kaj I. Ĉaĉe.* Dum la interparoloj Lenin diris — laŭ Ints Ĉaĉe — ke necesas kunvoki tutruslandan kongreson de la esperantitoj en Petrogrado kaj eĉ indikis, ke devas veni po unu delegito de ĉiuj 300 esperantistoj pagintaj membrokotizojn.

En tiu-ĉi rememoro estas malprecizaĵoj, kiuj faras la cititajn indikojn pli ol dubindaj:

a) Laŭ la sciigo de IMEL en ĝiaj leteroj al la germanaj kaj sovetaj esperantistoj, E. Drezen ne estis persona sekretario de Lenin.

b) Ints Ĉaĉe asertis, ke la 13-an de aprilo 1918 je la 13-a horo Lenin en Smolny (en Petrogrado) akceptis en ĉeesto de E. K. Drezen la reprezentantojn de la Petrograda Esperanto-societo „Espero" V. N. Devjatnin kaj I. Ĉaĉe. Dum la interparolado, kiu daŭris 42 minutojn Lenin diris, laŭ Ĉaĉe, ke „oni devas kunvoki Tutruslandan kongreson de esperantistoj en Petrogrado".

IMEL oficiale atestis, ek en aprilo 1918 la Sovetia Registaro kaj Lenin jam estis translokiĝintaj en Moskvon. *Tial tiu-ĉi renkontiĝo ne povis okazi en la tago kaj horo menciitaj de Ĉaĉe.*

Sed eble ni estas tro postulemaj rilate la asertojn de Ĉaĉe, kiu povus iom miksi la datojn kaj horojn, sed ja gravas la fakto de la renkontiĝo mem. Sed bedaŭrinde la fakto mem estas ankaŭ pli ol dubinda:

**Unue,** estas tre strange, ke tiom klara kaj kategoria decido de Lenin rilate la kunvokon de la III-a tutrusia esperanto-kongreso estis realigita nur en la jaro 1921, t. e. post tri jaroj de la momento kiam Lenin diris pri la neceso kunvenigi la esperantistojn.

**Due,** la aŭtoro de tiu-ĉi artikolo partoprenis en la jaro 1921 aktive la agadon de la Petrograda societo „Espero", kunlaborante kun Ĉaĉe kaj Devjatnin kaj helpis la preparlaborojn por la III-a Tutrusia esperanto-kongreso. Li estis elektito de la Kongreso kiel membro-kandidato de la unua Centra Komitato de SEU (Sovetrespublikara esperantista unuiĝo) kaj dum pluaj jaroj estis reelektata kiel membro de la CK de SEU. Li multfoje havis interparolojn pri esperanto-aferoj kun Devjatnin kun la ĝenerala sekretario de SEU E. K. Drezen (ambaŭ, kiel asertas I. Ĉaĉe partoprenis la menciitan renkontiĝon kun Lenin).

Nek la unua, nek la dua iam ajn, eĉ allude, ekmemoris pri la renkontiĝo. Eĉ kiam en la jaro 1928 en CK de SEU estis pridiskutita la supre menciita kontraŭesperanta artikolo de M. I. Uljanova kaj oni pridiskutis la tekston de la respondo, eĉ per unu vorto ne estis menciita iu simpatio de Lenin al Esperanto.

**Trie,** en Leningrado tiutempe aktive partoprenis la esperanto-movadon du veteranoj. *G. N. Teterin,* la nuna prezidanto de la leningrada esperanto-klubo, kiu en la jaroj 1920—21 kunlaboris kun Ĉaĉe, kaj *A. N. Pilev,* la nuna estrarano de la Leningrada esperanto-klubo, kiu en la jaroj 1918—19 estis la vicprezidanto de la societo „Espero". Nek la unua, nek la dua povas rememori iujn informojn flanke de Devjatnin kaj Ĉaĉe pri la renkontiĝo kaj konsideras ĝin ne okazinta.

Ĉu ne estas pli ol strange, ke I. Ĉaĉe kaj Devjatnin, havinte tiel ekstreme gravan por la movado fakton, kaŝis ĝin de siaj proksimaj kunlaborantoj?

c) I. Ĉaĉe asertas, ke la 19-an de junio Lenin parolis esperantlingve dum la Brusela Kongreso de la II-a Internacio.

IMEL informis, ke Lenin ne partoprenis la Bruselan Kongreson de la II-a Internacio kaj ne estis tiatempe en Bruselo.

d) En siaj rememoroj I. Ĉaĉe skribas: *„La historiaj datoj certigas al ni, ke iam en la jaro 1912 Vladimir Iljiĉ Lenin anoncis sin antaŭ la tuta homaro kiel esperantisto. Dum la VIII-a Tutmonda Esperanto-Kongreso en Krakov la 13-an de aŭgusto je la 13-a horo de podio en la granda salono de „Stary Teatr" de la urbo Krakow, Lenin-Uljanov deklaris al la tuta monde, ke: „Neniu nacio kaj neniu lingvo estu privilegiitaj. Esperanto estas la latino de la proletaro, kaj mi esperas, ke dank' al ĝia facileco, ĉi tiu lingvo helpos al la monda interkomprenîĝo!"*

Laŭ multenombraj atestoj de homoj, kiuj bone konis Lenin kaj kontaktiĝis kun li dum lia estado en Krakov kaj Poronino estas konate, ke Lenin atente observata de la aŭstria polico kaj dezirante eviti iujn provokagojn ĝiaflanke, kondutis sin tre singardeme.

Oni ne konas iujn ajn publikajn paroladojn de Lenin en tiu-ĉe „krakova periodo" de lia vivo. Tial estas tute nekredeble, ke Lenin rifuzis de sia taktiko por fari paroladon pri Esperanto antaŭ 1000 partoprenintoj de la Kongreso. Sed krom tiu-ĉi supozo ekzistas pli gravaj konsideroj. Estas ankoraŭ vivantaj aŭ mortis antaŭnelonge kelkaj partoprenintoj de la VIII-a Esperanto-Kongreso.

Forestas la atesto de iu ajn el ili pri la parolado de Lenin dum la Kongreso. En kelkaj esperantistaj gazetoj estis publikigitaj informoj, ke la ĉefa fonto de la supre nomita aserto estis la antaŭnelonge mortinta ukraina esperantisto *Anatolo Koĥ*, partopreninto de la Kongreso. En la jaro 1963 A. Koĥ sendis al la aŭtoro de tiu-ĉi artikolo kopion de sia letero al IMEL. En tiu-ĉi letero A. Koĥ protestas kontraŭ la ekzistantaj opinioj pri malfavora kaj argumentas per kelkaj faktoj pri pozitiva rilato de Lenin al Esperanto. Neniu mencio pri la suprenomita parolado de Lenin dum la Kongreso! Kaj, certe, Koĥ ne povis forgesi tiun-ĉi plej konvinkigan, frapantan ekzemplon.

Kategorie neas tiun-ĉi „fakton" alia kongresano *S. A. Koviĉ* (vidu lian artikolon en „Heroldo de Esperanto" (Nro 8 de la 16-a de Majo 1969, pĝ. 2). La vic-prezidanto de la Pola Esperanto-Asocio, la konata krakova esperantisto *s-ro Marian Kostecki* jam dum kelkaj jaroj energie serĉas pruvojn de la partopreno de Lenin en la VIII-a Kongreso. Li regule informas la aŭtoron de tiu-ĉi artikolo pri la rezultoj de siaj serĉoj, kiuj, bedaŭrinde dume estas senrezultaj. Male, kiel antaŭnelonge informis s-ro Kostecki, en Varsovia ŝtata eldonejo aperis libro de fama pola socialisto *d-ro Boleslaw Drobner,* kiu dum multaj jaroj estis kunlaboranto de V. I. Lenin kaj ofte kontaktiĝis kun li en Krakov. La libro enhavas pli ol 400 paĝojn kaj estas nomata „Bezugstanna walka" („Senĉesa batalo"). La antaŭnelonge mortinta B. Drobner estis aktiva esperantisto kaj unu el la organizantoj de la granda kunveno de socialistoj-esperantistoj, okazinta en Krakov, samtempe kun la VIII-a esperanto-kongreso (vidu pli sube). Priskribante en sia libro plej detale siajn rilatojn kun Lenin. Drobner eĉ per unu vorto ne mencias la partoprenon de Lenin en la Kongreso kaj socialista esperantista kunveno. Jam tiuj-ĉi ekzemploj sufiĉas por konstati nerefuteble: *Lenin ne partoprenis kiel oratoro la VIII-an Esperanto-Kongreson, sekve Lenin ne povis tie eldiri la imputatan*

*(Daŭrigo pĝ. 17)*

*Curt Kessler*

## Deutsche Redensarten und Redewendungen in Esperanto IV

# E

**eben / zu ...er Erde** ternivele; **du bist ... ein Spitzbube** nu, vi estas fripono;

**Ecke / sich in eine ... drücken** sin kaŝi en angulon; **j—n um die ... bringen** murdi iun; doni al iu la baton de morto; elpeli iun el la mondo de la vivuloj; enpremi iun en la teron; **er wohnt um die ...** trans (post) la angulo; **um die ... kommen** veni el post la angulo; **an allen ...n und Enden** ĉie kaj ĉie; **über fünf ...n verwandt sein** li estas preskaŭ mia frato; nepo de kuzo de onklo de konato; parenco per Adamo;

**ehern / mit ...er Stirn** bronzofrunta; impertinentega; senhonta;

**Ehre / seine ... darein setzen** esti instigatade l'honoro; **auf ...!** je mia honoro!; **... einlegen** ri kolti honoron; **mit wem habe ich die ...?** kun kiu paroli mi havas la honoron?; **das macht ihm ...** tio honoras lin; **er macht seiner Erziehung ...** kaŭzas honoron al; **der Wahrheit die ... geben** honori (diri) la veron; **der Wahrheit zu ...n** honore al la vero; **in allen ...n, aber** ne malŝatante tion aŭ tion, tamen **aller ...n wert** estus nur inde se; **zu ...n kommen** iĝi honorata; **in ...n halten** respekti; **aller ...n wert** nepre laŭdinda; meritanta laŭdon;

**Ehrgeiz / der ... ist von luftiger und loser Beschaffenheit** la gloramo havas esencon aeran kaj senfundamentan;

**Ei / das ... will klüger sein als die Henne** ovo kokinon ne instruas; **er ist kaum aus dem ... gekrochen** li ĵus elrampis el la ova ŝelo; li havas ankoraŭ la lakton sur la lipoj; li havas ankoraŭ printempon en kapo; li ne frapis al si ankoraŭ la kornojn; **kümmere dich nicht um ungelegte ...er** ne zorgu pri tio, kio estas ekster via scio;

**Eifer / im ... des Gefechts** pro troa fervor/o; en ...a diskutado;

**eigen / sich zu ... machen** adopti (ies opinion); **sich zu ... geben** sin fordoni; **sich auf ...e Füße stellen** emancipi sin; fari sin sendependa; **aus ...em Antrieb** propramove; spontanee; **mit ..er Hand** propramane;

**Eigenlob / ... stinkt** kiu mem sin gloras, malbone odoras

**Eile / das hat keine ...** tio havas tempon; ne urĝas; ne staras sur pinto de ponto;

**ein / ... für allemal** unufoje por ĉiam; **mein ... und alles** mia ĉio; **von ...em Alter** en sama aĝo; **in ...em fort** sen/paŭze; ...ĉese; ...halte; **die ...en, die anderen** la unuaj. la aliaj; **...er von vielen** unu el multaj; **... er oder der andere** iu aŭ alia; **...s schickt sich nicht für alle** kion rajtas leono, tion ne rajtas azeno; **aufstehen und fortlaufen war ...s** okazis sammomente; **das kommt auf ...s heraus** la rezultaĵo estas la sama; **halt, noch ...s!** ankoraŭ tio (ĵeno);

**einbrock/en / was man sich ...t, das muß man auslöffeln** kiu kaĉon kuiras, tiu ĝin manĝu; pagas ne riĉulo, pagas kulpulo; kiu rompis, tiu pagu!; de kiu la kulpo, por tiu la puno;

**einfach / er kam ... nicht** li simple (senplue) ne venis;

**einfallen / laß dir ja nicht einfallen zu** ne kuraĝu eble ...i; **was fällt dir ein?** kia ideo!: **das fällt mir im Traum nicht ein** mi eĉ ne sonĝas pri tio;

**eingehen / aus- und ...** el- kaj eniri;

**einjährig / das ...e machen** (Prüfung) atingi la mezan studmaturecon;

**Einklang / im ... stehen** esti konforma al; akordi kun;

**einlegen / Verwahrung ...** protesti; **ein Wort ...** pledi; **Ehre ...** rikolti honoron; **Berufung ...** apelacii;

**einmal / mach das nicht noch ...** ne faru tion ree (duan fojon); **..., als** foje, kiam; **nicht ...** eĉ ne tion; **noch ...!** ripetu! **noch ... so viel** duoblo; **auf ...** subite; **es ist nun ... geschehen** nu, la afero finiĝis; **... übers andere** ree kaj ree;

**eins / ..., zwei, drei war es erledigt!** unu, du tri, kvar, kaj finita la far';

**einsetzen / sich ... für** pledi (batali) por;

**einträken / ich werde es ihm ...** mi bone pagos al li;

**Eis / ... am Stiel** glaciaĵo sur stangeto; **auf ... legen** prokrast/i ĉiam denove; ...i ĝis la tago de Sankta Neniamo; **aufs ... führen** mistifiki;

**Eisen / in ... legen** kateni; **... schmieden, solange es warm ist** forĝu feron. dum ĝi estas varmega; **zwei ... im Feuer haben** havi du vojojn por elekti;

**Eisenbahn / höchste ...** plej urĝa tempo; urĝege;

**eisern / ...er Bestand** lasta rezervo;

**ekel/n / mir ...t vor** mi sentas abomenon al

**Elefant / aus einem Floh einen ... machen** fari elefanton el muŝo;
**Element / in seinem ... sein** esti en sia elemento;
**Elend / das heulende ... haben** esti melankolia kiel plorsaliko;
**Ellebogen / seine ... gebrauchen** trudi sin antaŭen;
**Eltern / nicht von schlechten ... sein** konsiderinda; forta; „ne el lanugo";
**Empfang / einen gehörigen ... bereiten** dece akcepti iun; fari (aranĝi, prepari, pretigi) akcepton al iu;
**empfehl/en / mit besten ...ungen** mian respektan saluton al;
**Ende / das dicke ... kommt nach** la parto plej vasta venas la lasta; **zu welchem ...** pro kiu celo?; **ein ... machen** meti finon; **dem ... zugehen** ekfiniĝi; **es geht mit ihm zu ...** li estas mortanta; lia morto proksimiĝas; **das ... vom Liede** la fino de la kanto; **mit seinem Latein zu ... sein** jen la fino de mia latino; **am ... der Welt** en la fino de l'mondo; tie. kien birdo eĉ ne flugas; **an den vier ...n der Welt** en ĉiuj anguloj de la mondo; **letzten ...s** finfine;
**eng / in die ...e treiben** alpremi iun al muro; **...ere Wahl** decidelekto; **...erer Ausschuß** malgranda komitato;
**entäußern / sich einer Sache ...** fordoni ion;
**entbehren / schmerzlich ...** tre (dolore) senti la mankon de; **ich kann frische Luft nicht ...** mi nepre bezonas freŝan aeron;
**entfallen / das ist mir ...** tion mi forgesis; **auf jeden ... drei Stück** ĉiu ricevas po tri pecojn; **dieser Punkt entfällt** tiu punkto estas forlasita;
**entgehen / das ist mir entgangen** tion mi ne rimarkis ((aŭdis, vidis);
**entgelten / das soll er mir ...** por tio li pagos al mi;
**entschlossen / kurz ...** rapide decidita;
**entsprechend / dem Gesetz ...** laŭ la leĝo;
**entwachsen / der Schule ...** trans la lernejodeva aĝo;
**entweder / ... oder** aŭ festo aŭ fasto; aŭ ĉio aŭ nenio; aŭ kuseno sub ripo aŭ bato per vipo; aŭ plej riĉa stato, aŭ plena malsato;
**erachten / meines ...s** laŭ mia opinio; laŭ mi;
**erbarmen / zum ...** kompatiga stato;
**Erbrechen / bis zum ...** ĝis tedego; ĝis freneziĝo (morto);
**Erdboden / dem ... gleich machen** fordetrui;
**Erfahrung / aus ...** laŭsperte; empirie; **aus ... gewonnen** aposteriora; **alte ...** konata afero;
**erfragen / zu ... bei** sin turni al;
**ergehen / sich ...** promeni; **wie wird es mir ...** kio min trafos?; kion mi travivos?; **etwas über sich ... lassen** pacience suferi ion;
**ergreifen / Besitz ... von** ekposedi; **Partei ...** partianiĝi;
**erhell/en / hieraus ...t** el tio rezultas (klariĝas);
**erkennen / wir ... Sie mit 600,— Mark (kfm)** ni skribis en vian kredithavon; **... auf** (Urteilsspruch) kondamni al;
**erledig/en / es ist ...t!** la afero estas plenumita (finita, glatigita); la afero estas vakanta (en ordo); la afero sukcesis;
**ermangel/n / in ...ung** ne havante; pro manko;
**ernst / es ist mir ...** mi ne ŝercas; **das ist im ... gemeint, im Scherz gesagt** estas ŝerce dirita, cele pensita;
**Ersparnisse / er lebt von seinen ...n** li vivas de ŝparita kaso; li konsumas sian antaŭan grason;
**erst / ... recht!** nun des pli!; **wäre ich ... fort!** ke mi jam estu for; **für's ...e** por nun; provizore; **der ...e beste** la unua venanto (renkontito) (trovita); ĉio taŭgas, kio venas; **nicht alle können die ...en sein** ne ĉiu homo povas esti la papo en Romo; ne povas ĉiu homo esti pap' en Romo; ne ĉiu papereto estas banka bileto; ne ĉiuj havas egalan feliĉon; ne el ĉiu ligno oni faras violonon; **aus ...er Hand** de l'unua posedanto (aĉetinto); **aus ...er Quelle** aŭtentika;
**erübrig/en / es ...t sich** ne necesas; ne estas kaŭzo;
**Espenlaub / er zittert wie ...** li tremas kiel aŭtuna folio;
**essen / mit den Augen ...** lia okulo avidas ĉion, kion (ĝi) vidas; tuta jam sata, sed okulo malsata; liaj okuloj estas pli grandaj ol la ventro;
**Essig / damit ist es jetzt ...** tio jam ne eblas;
**etwa / wenn er ... nicht kommen will** en la kazo, ke li ne volos veni;
**etwas / so ... unverschämtes** io tiel impertinenta; **das gewisse ...** la certa io; **es ist ... dazwischengekommen** ŝiriĝis fadeno sur la bobeno;
**Eule / ...n nach Athen tragen** batadi la venton; melki kaproviron; ĉerpi akvon per kribrilo; melki musinon; kalkuli muŝojn; tordi ŝnurojn el sablo; verŝi aeron al aero;
**Ewigkeit / von ... zu ...** de eterne ĝis eterne; **auf ...** por (je) eterne; **in ...** ĝis eterneco;
**Ex! / ... trinken** per unu tiro! (Fortsetzung auf Seite 15)

**fiŝ-o** Fisch; **--ovaro** ...rogen
**fitis-o** Fitislaubsänger (bird. Phylloscopus trochilus)
**fizal(id)-o** Blasenkirsche, Lampionblume (Physalis)
**fizionomi-o** 1. Gesichtsausdruck 2. Anblick einer Sache
**fiziognomik-o** Physiognomik, Kunst, aus d. Gesichtsausdruck auf seelische Vorgänge zu schließen
al **flag-o: --nubo** **Wolkenfahne** (an Bergspitzen)
**flagel-o** (bot.-zoo.) Geißel; **--uloj** Geißeltierchen
**flaĝolet-o** (muz.) Flageolett u. e. Register d. Orgel
**flam-o** Flamme
**flan-o** flacher Kuchen, dz. **terpom--o** Kartoffel...
**flank-o** Seite, Flanke
**flat-i** schmeicheln; **--emul(in)o** Schmeichelkätzchen
**flaŭr-o,** a. **floraro** Flora, Pflanzenwelt, kp. **faŭno**
**fleg-i** pflegen
**flegm-o** Phlegma, Schwerfälligkeit. ruhiges Temperament
**fleks-i** beugen, biegen, krümmen
**flik-i** flicken, ausbessern
**flirt-i** flirten
**flog-o** Flammenblume (bot. Phlox), dz. **kanada, panikla, printempa, somera, unu- k. plurjara --o**
**flor-o** Blume, Blüte; **florali-oj** Blumenfesttage
**floren-o** Florin, Gulden
**floslini-o** (mar.) Linie bis zu der e. Schiff einsinkt
**flot-i** auf d. Wasser treiben, schwimmen
**flu-i** fließen; **tra--ejo** (geo.) Durchfluß; **elektra --o = kurento,** el. Strom; **--denso** Stromdichte; **--deprenilo** S...abnehmer; **--pulso** S...schritt
**flug-i** fliegen
**fluks-o** (math. fiz.) (Kraft) Fluß, Flux
**fluor-o** (kem.) Fluor
**flus-o** (mar.) Flut; **mal--o** Ebbe; **--eto** Nippflut, **kp. tajdoj**
**flut-o** Flöte
**focen-o** a. **„marporko"** Meerschwein, Braunfisch, Tümmler (Phocaena)
**foin-o** Steinmarder (speco de mustelo) (Mustela foĭna)
**foj-o** Mal
**fojn-o** Heu; **post--o** Grummet
**fol-a** albern. übermütig, fast närrisch
**folad-o** Bohrmuschel (zoo. Pholas) a. **„borkonko"**
**fold-o** Nut, Fuge; **glit--o** Gleitschiene
**foliant-o** Foliant, Buch in Folioformat
**foliol-o** (bot.) Fieder- o. Teilblatt; **--a** gefiedert
**foment-i** (med.) bähen, feuchtwarme Umschläge machen
**fon-o** 2. Phon, Einheit der Schallstärke; **--endoskop-o** (med.) Schlauch-Hörrohr; **--bruo** (radio) Grundgeräusch
**fond-i** gründen

## Komplementa Vortaro IV

Walter von Waldowski

**(edit-i) = eldoni**
**eduk-i** erziehen
**edz-o** Ehemann, Gatte
**efekt-o** Wirkung, Effekt
**efervesk-i** aufbrausen, -wallen (durch Gase); **--a pulvero** Brausepulver
**efik-i** wirken
**egret-o** 1. (kl.) Federbusch (auf Helm u. ä.) 2. (bird.) Silberreiher (Herodias Egretta) 3. (el.) Sankt Elmsfeuer, Büschel- o. Spitzenentladung
**ejakul-i** ejakulieren, (Samen) herausspritzen; **--ado** Ejakulation
**ekin-o** 1. Seeigel (zoo. Echinus) 2. (arch.) wulst. Deckplatte jonischer Säulen
**ekinopice-o** Igelfichte (bot. Picea exelsa echinoformis)
**ekip-i** (tek.) ausstatten, ausrüsten; **--i per** versehen mit
**eklektik-a** (fil.) eklektisch; **--ismo** ...ismus, unwiss. Auswahl von Gedanken aus mehreren Theorien zur Konstruktion von Zwecklehren
**eklezi-o** 1. Kirche, Glaubensgemeinschaft 2. Geistlichkeit o. Priesterschaft e. Kirche
**ekliptik-o** (astr.) scheinbare Bahn der Sonne
**ekolali-o** (path.) Echolalie, krankhaftes Nachsprechen
**ekologi-o** Ökologie, Verhältnis der Lebewesen zu ihrer Umgebung
**ekonom-o** Ökonom, Wirtschaftsführer. Haushälter; **--io** 1. Ökonomie, Wirtschaftskunde 2. Wirtschaftsführung, ...lage
**ekscentrik-o** (tek.) Exzenterscheibe, a. **ekscentra disko**
**eksces-o** Exzeß, Ausschreitung, Maßlosigkeit
**ekscit-i** reizen, anregen; **--atoro** (el.) Erreger, **aparta ---o** Fremderreger
**ekskurs-o** Ausflug, Exkursion
**ekslibris-o** Bucheignungszeichen, Exlibris
**ekspatriig-o** Ausweisung aus dem Vaterlande, Expatriisierung
**eksplod-i** explodieren
**ekspluat-i** (aus)nutzen, ausbeuten
**eksponent-o** 1. an repräsentativer Stelle stehender Vertreter
**eksport-i** ausführen, exportieren
**ekspres (ion) ism-o** (art.) Expressionismus, **ekspresiveco** Ausdrucksfähigkeit (e. Kunstwerks)
**ekstaz-o** Verzückung, Extase
**ekstemporal-o** Klassenarbeit, Extemporale

**ekstradici-o** (jur.) Auslieferung (von Verbrechern)
**ekstrakt-o** Extrakt, Kraftauszug
**ekstravaganc-o** Extravaganz, Seitensprung, toller Streich; **--a** übermütig
**ekstrors-a** auswendig, nach außen zu, Extrors
**eksud-i** (patol.) Blut und Wasser schwitzen; --o Ausschwitzung; **--aĵo** Exudat, das Ausgeschwitzte
**ektoplasm-o** Ektoplasma 1. Außenschicht des Zellplasmas
**ekumen-a** (kath. rel.) ökumenisch, allgemein
**ekv-o** (zoo.) Einhufer, a. unuhufulo; **--idoj** Equiden, Familie der Einhufer
**ekvilibr-o** Gleichgewicht; **--i buĝeton; --isto** Seiltänzer, a. **ŝnurdancisto**
**ekvizet-o** Schachtelhalm (bot. Equisetum)
**ekzantem-o** (fieberhafter) Hautausschlag. Exanthem
**ekzegez-o** Exegese, Bibelauslegung; **--isto** Exeget
**ekzekuci-i** (jur.) (e. Urteil) vollstrecken, ausführen; **--o** Zwangsvollstreckung; **--isto** Exekutor, Gerichtsvollzieher
**ekzekvatur-o** 1. (jur.) Exequatur, Ermächtigung zur Vollstreckung eines ausländ. Urteils im Inlande 2. Zulassung eines Konsuls
**ekzerc-i** einüben, exerzieren
**ekzerg-o** Exergus, Inschrift auf Münzen o. Raum dafür
**ekzist-i** da- o. vorhanden sein, existieren; **--adismo** (fil.) Existenzialismus, a. **ekzistencialismo** (idealist. Philosophie)
**ekzogen-a** (biol.) nach außen aufbrechend, außenbürtig, Ggs. **endogena**
**ekzorc-i** exorzisieren, „böse Geister" o. d. „Teufel" austreiben
**ekzoter-a** für alle bestimmt; Ggs. **ezotera**
**ekzoterm-a** Wärme abgebend; Ggs. **endoterma**
**elan-o** Begeisterung, Schwung, Stoßkraft, ä. **impeto**
**elater-o** 1. (bot.) Elatere, Schleuderzelle 2. (ins.) Schnellkäfer (Elater) a. **elatro**
**eleagn-o** Ölweide (bot. Eleagnus)
**elegi-o** Elegie, Klagelied; **--a** klagend, elegisch
**elektr-o** Elektrizität; **-oangilo** (Gymnotus electricus), **--odo, --odinamiko, --oekzekuto, --oforo, --izado, okuti, -- olito, omekaniko, --oskopo,** Zitteraal, Elektrode, Elektrodynamik, elektr. Hinrichtung, ...isierung, ...isch hinrichten, ...olyt, ...omechanik. ...skop
**elevator-o** 1. (tek.) Elevator 2. (anat.) Hebemuskel
**elf-o Elf** (mit.); **--ino** Elfe; **--reĝo** ...enkönig; **--grameno** ...engras (Sesleria)
**elimin-i** 1. ausschalten, -scheiden 2. (biol.) ausscheiden, abstoßen 3. (mat.) unbekannte Größen beseitigen
**elips-o** 1. (gr.) Auslassung eines zu denkenden Satzteils
**elize-o** (mit.) Elyseum

**fetiĉ-o** Fetisch 1. kleines Götzenbild 2. Glücksbringer 3. unantastbare Person; **--ismo** Fetischismus
**feŭd-o** (hist.) Lehen
**fetor-o** Gestank
**fianĉ-o** Verlobter, Bräutigam
**fiask-o** Mißerfolg, Reinfall
**fiber-o** Kanad. Bisam (zoo. Fiber)
**fibol-o** Fibel (Gewand-. Sicherheitsnadel)
**fibr-o** Faser, Fiber
**fibrin-o** Fibrin, Faserstoff des Blutes
**fibul-o** 1. Fibel, antike Gewandnadel 2. (Kl.) Sicherheitsnadel, a. **sekur(a)pinglo** 3. (anat.) Wadenbein, a. **peroneo**
**fideokomis-o** (jur.) Fideikommis
**fidr-o** (el.) Haupt- o. Direktleitung
al **figur-o: --anto** (thea.) Komparse; **--ativa arto** bildende Kunst
**fikci-o** Fiktion, Erdichtetes
**fiks-i** fixieren (s. Krause)
**fil-o** Sohn **--igi** an Sohnes statt annehmen, adoptieren
**filament-o** 1. (anat.) feine Nervenfaser 2. (bot.) Staubfaden 3. (el.) Glühfaden (in Birnen)
**filandr-o** Altweibersommer, schwebender Spinnwebfaden
**filantrop-o** Menschenfreund, Philanthrop; **--i-o** Ph...ie
**filharmoni-o** (muz.) Philharmonie
**filigran-o** Filigran, feine Flechtarbeit (meist aus Silberdraht)
al **filik-o: aglo-** Adler-, a. **pteridio, -jo; cili--o** Wimper...; **ripo--o** Rippen...; **rul--o** Roll...; **skvam--o** Schuppen...; **ŝild--o** Schild...; **vermo--o** Wurmfarn, a. **vira vermo--o**
**filipik-o** Philippika, lange Strafrede, -predigt
**filistr-o** Philister (Nachbarvolk d. alten Juden); (f.) Spießbürger
**film-o** Film
**filogenez-o** Phylogenese, Stammesentwicklung, (Ggs.) ontogenezo
**filogeni-o** Phylogenie, Stammesgeschichte
**filomel-o** Sprosser (bird. Erithacus philomela)
**filoskop-o** Laubsänger (bird. Phylloscopus)
**filumenist-o** Etikettensammler
**fizioterapi-o** (med.) Physiotherapie. dz. aero-, helio- k. hidroth.
**fin-i** abschließen, beendigen, vollenden
**financ-oj** Staatsgelder, Geldmittel
**fingr-o** Finger; **--a premspuro** ...abdruck; **--e alfabetumi,** a. **trans--umi** d. Fingersprache gebrauchen; **„--algo"** ...alge (Laminaria digitata); **„--herbo"** ...kraut, a. **potentilo** (Potentilla)
**finial-o** (arch.) Finiale, Kreuzblume
**finitiv-o** (gr.) Finitiv, vollendete Zeit

**fand-i** (tr.) schmelzen; **--fero** Gußeisen; **--forno** Schmelzofen; **fornego** Hochofen
**fandang-o** (span. Volkstanz) Fandango
**fanerogam-oj** Blüten-Samenpflanzen, Phanerogamen
**fant-o** (Kartenspiel) Bube
**fantasi-o** arab. Reiterturnier
**fantasmagori-o** Trugbild, Scheinbild. Phantasmagorie
**fantazi-o** Einbildungskraft, Phantasie; **--ulo** Phantast
**farad-o** Farad, (el.) Maßeinheit der Kapazität; **--izi** (med.) faradisieren, mit Induktionsstrom behandeln
**faraon-o** Pharao
**farb-o** Farbe, (Mal- o. Anstreichmittel) kp. koloro; **--tubeto** (por globskribilo) Farbmine
**farmaci-o** Pharmazie, Arzneimittelkunde
**farmakolog-o** Arzneimittelkundiger; **--i-o** Pharmakologie
**farun-o** Mehl; **--gluo** ...kleister; **--primolo** ...primel (bot. (Primula farinosa)
**fascin-i** 1. faszinieren, bewegungsunfähig machen 2. (f.) bezaubern, bestricken, fesseln
**fasĉin-o** Faschine, Reisigbündel; **--virko** Busch- o. Faschinenbau
**fast-i** fasten
**fatamorgan-o** Luftspiegelung, Fatamorgana, a. **miraĝo**
**fatras-o** Gerümpel, Dreck
al **faŭko: --o de drenilo, kloako, ponto** Durchflußweite, Öffnung
**faŭl-i** (ludo) regelwidrig spielen, Tiefschlag machen. quer kommen
**fav-o** (med.) Grind, Favus
**fazan-o** Fasan (bird. Phasanus); **--ejo** Fasanerie
**fe-o** (mit.) Genius, Schutzgeist; **--ino** Fee
**febr-o** Fieber; **flava --o** Gelbes ...; **trem--o** Schüttelfrost
**fek-i** Stuhlgang haben
**felah-o** Fellah, Fellache
**feniks-o** (sagenhafter Vogel) Phönix; (f.) plötzlich hochgekommener Mensch
**fenikur-o** = **„„ruĝvostulo“** Rotschwänzchen (bird. Phoenicurus)
**fer-o** Eisen **gis--o** Guß...; **mol--o** Schmiede...; **lamentita--o** Walzeisen; **grafit--o** Graphit...; **--angulo** Winkel...
**feri-o** freier Tag; **--oj** Ferien
**ferl-i** (mar.) (Segel) festbinden, beschlagen; **--ilo** dünnes Tau (dazu), kp. **brajli**
**feroc-a** wild, ungestüm, grausam
**ferotipi-o** (fot.) Ferrotypie, Schnell- o. Glanzphotographie
**fervor-o** Eifer, Glut, Inbrunst
**fest-o** Fest, Feier, kp. **festeno**
**feston-o** Feston 1. Hängegewinde aus Zweigen u. Blumen, ä. **girlando** 2. (arch.) Schmuckbogen 3. (Kl.) Bogenkante

**elizi-i** (gr.) elidieren, den Endvokal weglassen
**elvokiv-a** anschaulich; **--eco** ...keit
**elzevir-o** (pres.) Elzevir, Perlschrift
**emajl-o** 1. (kem.) Email(le), Schmelz, Glasfluß 2. (anat.) Schmelz (der Zähne)
**eman-i** (netr.) emanieren, unsichtbar ausstrahlen, -strömen
**emancip-i** (aus Vormundschaft o. Abhängigkeit) befreien, lossprechen
**embaras-o** Verlegenheit, schwierige Lage, Verwirrung
**embarg-i** (Schiffe u. Ladungen) festhalten
**emberiz-o** (Gold)Ammer), Ämmerling (bird. Emberiza)
**embusk-o** 1. Hinterhalt 2. Deckungsort vor Überfall
**emerit-o** Ruheständler; **--uro** Altersrente
**emfaz-o** Nachdruck, Eindringlichkeit
**eminenc-o** Eminenz
**emir-o** Emir 1. arab. Titel (für Fürsten u. ä.) 2. Nachkomme Mohammeds
**emisi-i** 1. herausgeben, in Umlauf setzen 2. (opt.) ausstrahlen
**emoci-i** ergreifen, beeindrucken
**empenal-o** (avi.) Stabilisator
**emperi-o** (avi.) Höhensteuer, a. **empenerono, emperono**
**empire-o** (mit.) Empyreum (d. alten Griechen), Ort d. Seligen (bei Dante)
**emu-o** Emu (bird. Dromeus), **a. dromajo**
**enant-o** 1. Pferdesaat. Wasserfenchel (bot. Oenanthe) 2. Steinschmätzer (bird. Saxicola oenanthe)
**enciklik-o** (päpstl.) Rundschreiben
**endemi-o** Krankheit eines Gebietes, a. **--a malsano**
**endogami-o** Inzucht, (bot.) Selbstbestäubung
**endokarp-o** (bot.) Innenschicht der Fruchthaut, Ggs. **eksokarpo**
**endokrin-a** endokrin, nach innen absondernd, Ggs. **ekso-**
**endoterm-a** (kem.) Wärme verbrauchen, Ggs. **ekzo-a**
**energetik-o** Lehre von der Energie
**energi-o** Energie, Stärke, Kraft
**engraŭl-o** Echte Sardelle, Anschovis (Engraulis), a. **anĉovo, sardelo**
**enklav-o** Enklave, Ggs. **eks-o**
**enoter-o** Nachtkerze (bot. Oenothera)
**ensembl-o** Gesamtheit, 1. Künstlerkollektiv 2. Gesamtheit der Dekorationen u. 3. der Kostümierung (eines Theaterstückes)
**entablement-o** (arch.) (Säulen) Gebälk
**(entomolog-o, --io)** Käferkundiger, **--e** a. **skarabolog-o, -io**
**entuziasm-o** Begeisterung
**eola harp-o** Äols- o. Windharfe
**eon-o** Äone, ungeheurer Zeitabschnitt, Weltperiode
**eozin-o** Eosin. e. roter organ. Farbstoff
**epigon-o** Epigone, Nachgeborener, (fig.) Nachahmer

**epigraf-o** Epigraph
**epigram-o** Epigramm, kurzes Sinn- o. Spottgedicht
**epikarp-o** (bot.) Fruchtschale, -haut
**epilog-o** Nachwort, Epilog
**episkop-o** (kath.) Episkop; **ĉef- a. arĥi--o** Erzbischof; **--io** (Erz-) Bistum
**epistol-o** Epistel 1. (rel.) Briefe d. Neuen Testamentes 2. Brief mit Ermahnungen 3. Brief in Versen
**epitet-o** (ornama) (schmückendes) Beiwort, Beiname, Attribut; (biol.) Beiwort zum Artnamen: Viola **odorata,** Canis **familiaris**
**epizod-o** Episode
**epod-o** (lit.) Epode, e. Gedichtsform
**eriofor-o** Wollgras (bot. Eriophorum)
**eritre-o** Tausendgüldenkraut (bot. Erythraea)
**erod-i** (tr.) abnutzen, abreiben, ausleiern, kp. erozio
**erogen-a** lusterregend
**Eros-o, eros-o** 1. griech. Liebesgott 2. sinnliche Liebe
**erotomani-o** Liebestollheit, Erotomanie
**erud-i** erudieren, gründlich ausbilden, belehren; **--ita** gelehrt, belesen. gebildet
**erudici-o** Bildung, Belesenheit, Gelehrsamkeit; **--ulo** Gelehrter
**erupci-o** 'Eruption, Vulkanausbruch; **--i** Feuer speien
**escept-i** (von der Regel) ausnehmen
**esenc-o** Wesen, Kern, (kem.) Essenz
**eskadron-o** (mil.) Schwadron
**eskal-o** 1. Leiter; dz. **ŝnur--o** Strick..., **glitfold(a)--o** mech ... 2 (text.) Laufmasche, a. **falmaŝo; e- a. f-imuna** ...sicher
**eskalon-o** (mil.) Staffelstellung; **--i** in ... aufstellen
**eskalop-oj** Langetten, Bogenkanten; **--i** langettieren
**eskar-o** (patol.) Schorf; **--iga** ...bildend
**eskim-o** eskimo
**eskarp-o** (a. mil.) Innen-, **kontraŭ--** Außenböschung
**eskud-o** 1. Schildtaler, ehemals in Frankreich gültig 2. Eskudo, Münze in Portugal u. Südamerika
**espanjolet-o** Drehriegel-Fensterverschluß, kp. **baskulo**
**espart-o** in Afrika zu Flechtarbeiten benutztes Gras Esparto
**esper-i** hoffen
**esplor-i** erforschen, untersuchen
**ester-o** (kem.) Ester
**estetik-o** Ästhetik, Lehre vom Schönen
**eston-o** Este; **--io, --ujo** Estland
**estuar-o** (geo.) Mündungsbecken, a. **rivergolf(et)o**
**etik-o** Ethik, Sittenlehre; **--a** 1. die Sitte betreffend 2. sittlich gut: **-- a ago**

**etimolog-o** Wortforscher; **--i-o** 1. Lehre von Herkunft u. Verwandtschaft d. Wörter 2. des Einzelwortes
**etnograf-o** Ethnograph; **--i-o** ...ie, beschreibende Völkerkunde
**etnologi-o** vergleichende Völkerkunde, E...ie
**etologi-o** Ethologie, 1. Lehre von d. Sitten u. Gebräuchen der Völker; (zool.) vom Verhalten der Tiere
**etrusk-a** etruskisch
**eŭfemism-o** (gr.) Euphemismus, beschönigender Ausdruck, mildernde Beschreibung
**eŭforbj-o, (-io)** Wolfsmilch (bot. Euphorbia)
**eŭfori-o** (med.) Euphorie, Wohlbefinden trotz schwerer Krankheit
**eŭgeniko** Wohlzeugung, Zuchtwissenschaft
**evaku-i** evakuieren, räumen, (mil.) menschenfrei machen
**evangeli-o** (rel.) 1. Heilsbotschaft 2. neuerer Teil d. Bibel
**evikci-i** (jur.) evinzieren, Besitz entziehen; **--o** Eviktion, Besitzentziehung (z. B. von erworbenem Diebesgut)
**evoluci-o** Evolution, Entwickelung = **evoluado**

# F

**fabel-o** Märchen, unglaubwürdige Geschichte
**fabrik-o** Fabrik; **--anto** Fabrikant; **--ato** Fabrikat; **duon--aĵo. fin--aĵo** Halb- u. Fertigfabrikat
**fac-o** (ebene) Fläche (e. Körpers; **sur--o** Oberfläche
**fajl-i** 1. feilen 2. (Aus Kunstwerken letzte Unebenheiten beseitigen; (tek.) **delikata, kruda, ronda, tri- a. kvareĝa fajlilo** Schlicht-, Grob-, Rund-, Drei- o. Viereckfeile
**fajr-o** Feuer; **--oŝtono** ...stein; **--ofungo = tindro; art--aĵo** ...werk; **krak--aĵo** Donnerschlag
**fak-o** Fach; **--ulo** Fachmann; **--aro** Fächerkasten o. -schrank
**fakir-o** Fakir
**fakt-o** Tatsache
**faktur-o** (kaufm.) Faktur, Rechnung
al **fal-i: --klapo** Falklappe; **en--ilo** Fanggrube; **--ŝirmilo** Fallschirm, a. **paraŝuto**
**falang-o** 1. (anat.) Finger- o. Zehengliedknochen 2. (hist.) Schlachtordnung der Mazedonier 3. (pol.) geschlossene Kampffront
**falĉ-i** (ab)mähen
**fald-i** falten; **--mezurilo** Zollstock; **glad-o** Plätt...; **fiks--o** Dauer..., Dauerfalte
**falen-o** Nachtfalter, Spanner (ins. Phalaenidas)
**fals-i** fälschen; **nefalsebla** unverfälschbar
**falset-o** (muz.) Falsett, Fistel- o. Kopfstimme
**famili-o** Familie

# F

(Fortsetzung von Seite 10)

**ff / etwas aus dem ... verstehen** bonege (fundamente) scii ion;
**Face / en ...** de antaŭe;
**Fach / das schlägt in mein ...** tio rilatas al mia fako; **nicht zu ...e kommen** ne sukcesi;
**Fackel / nicht lange ge...t!** ne hezitu!; ne faru ceremoniojn!;
**Faden / den ... verlieren** perdi la daŭrigon (fadenon [de la parolo]); **keinen trockenen ... am Leibe** esti malseka ĝis la ostoj; **es geht zu ...** bone progresi; **es ist kein guter ... an ihm** forkritiki ĉiun bonan econ de iu;
**Fahne / bei der ... dienen** esti (aktiva) soldato;
**fahr/en / ich ...e Minol** mi veturas per Minol-brulaĵo (-benzino); **...e wohl!** adiaŭ!; fartu bone!; Dio vin gardu!; **...ende Habe** movebla posedaĵo; **von hinnen ...en** iri en la alian mondon; **vor Zorn aus der Haut ...en** estiĝi ekster sin; **einander in die Haare ...en** reciproke sin preni ĉe la haroj; **laß alles Irdische ...en** forlasu ĉion ĉe mondan!; **bei einem Geschäft gut ...en** tiri multe da profito el; **...endes Volk** aventuruloj; vag/antoj; ...abondoj; **in ...t sein** esti en plena vervo; **in ...t kommen** atingi plenan vervon (viglecon); **das Messer fuhr ins Fleisch** enpenetris; **was ist in dich ge...en?** kio vin ekokupis?; **diese Straße fährt sich gut** oni veturas bone sur tiu strato;
**Fährte / auf falscher ... sein** sekvi malĝustajn spurojn;
**Fall / in diesem ...** ĉi-kazee; **auf jeden ...** ĉiukaze; nepre; **zu ... bringen** faligi; **gesetzt den ...** supoze ke; **das ist durchaus nicht der ...** la afero estas tute ne tia; **von ... zu ...** fojon post fojo; ĉe ĉiu kazo aparte; **im ...e daß** en la kazo ke; **im schlimmsten ...e** en ekstrema kazo; **Knall und ...** per unu fojo (momento); senhezite; sen pluaĵo; subite kaj neatendite;
**Falle / in die ... gehen** enfali en kaptilon;
**fallen / eine Masche ... lassen** ellasi maŝon; **sich zu Tode ...** morti de falo; **das Fieber ist im ...** estas malaltiĝanta; **in die Augen ...** frapi la okulojn; **ins Gewicht ...** esti tre konsiderinda; **in Ohnmacht ...** sveni; **j—n zu Füßen ...** sin ĵeti antaŭ ies piedojn; **mit der Tür ins Haus ...** paroli sen antaŭaĵo; **j—n ins Wort ...** interrompi ies parolon; **das fällt auf einen Montag** tio estos lunde; **nicht auf den Mund gefallen sein** li ne serĉas vorton en la poŝo;
**Falsch / ohne ...** lojala; sincera; naiva; senartifika; simplanima; honesta; rektanima;
**Fang / einen guten ... machen** akiri bonan kaptaĵon;
**fangen / sich in seiner eigenen Schlinge ...** enfali en sian propran kaptilon; **Grillen ...** hipoĥondrii; **Feuer ...** ekbruli; ekflamiĝi; **gib dich ge...!** konfesu, donu vin kaptita!;
**Farbe / ... bekennen** aldoni la (saman) koloron; (fig) malkaŝi si(an opinio)n;
**Faselhans / er ist ein ...** li babilas, muelas, kion lango elpelas;
**fasel/n / er ...t** li kudras per fluganta kudrilo; li parolas rapide senvide; superpinte nur tuŝinte; transsalte, senhalte;
**Faß / das schlägt dem ... den Boden aus** tio superas ĉion antaŭan; tio estas la kulmino (de l'impertinenco);
**fass/en / ...e dich kurz!** parolu koncize! (mallonge!); **scharf ins Auge ...en** fikse rigardi; **die Kupplung hat nicht ge...t** la kuplilo ne endentiĝis; **außer ...ung geraten** estiĝi ekster si; perdi la sinregon;
**faul / schon ...!** jam suspektinde; **eine ...e Sache** suspektinda fero; **...e Redensarten** nuraj vortoj; **...e Witze** malbonaj (sensalaj) spritaĵoj; **...er Zauber** blago; **...er Zahler** malakurate paganta ŝuldanto; dube solventa kliento;
**Faust / auf eigene ...** propra/decide; ...aŭtoritate; **die ... in der Tasche ballen** minaci per pugno en la poŝo; **wie die ... Faust aufs Auge** kio taŭgas por somero. ne taŭgas por vintro; kio akorde ne sonas, tio rimon ne donas; estas en akordo, kiel peto kaj mordo; **eine ... im Sacke machen** minaci per pugno en la poŝo; **...dick hinter den Ohren** sur lia nuko sidas pli ol peruko; **er lacht sich ins Fäustchen** li hejme sidas kaj ĝoje ridas (kaŝridas);
**Feder / nicht viel ...lesens machen** fari neniom da ceremonioj; **sich mit fremden ...n schmücken** paradi per la meritoj de aliuloj;
**Fehde / j—n den ...handschuh hinwerfen** ĵeti al iu la (batal)ganton; provoki iun al batalo;
**fehl / ich gehe wohl nicht ... in der Annahme** mi kredeble ne eraras. supozante ke;
**fehl/en / an mir solls nicht ...en** mi nenion domaĝos; **j—n an nichts ...en lassen** ne domaĝi ion al iu; sufiĉe provizi iun; **was ...t dir?** kion vi havas?; kia estas via bonfarto?; **...geschossen!** vi celis anseron. trafis aeron; vi trapafadis la aeron;
**feil/en / durchge...t** plene ellaborita;
**fein / ... ausgedacht** subtile (sagace) elpensita; **das ist ...!** aj!; **der ...e Ton** grandmonda tono; **die ...e Welt** eleganta mondo; **mit ...em Geschmack** kun delikata (distingita) gusto; **...er Unterschied** subtila diferenco; **ein ...er Kopf** sagac/ulo; subtil...; talent...;

**Feind / der böse ...** Satano; la diablo; **j—n ... sein** esti malamika al; **sich j—n zum ... machen** malamikigi iun! **die ...seligkeiten eröffnen** komenci malamikajojn!
**Feld / das ... räumen** cedi; sin retiri; **auf freiem ...** en la kamparo; **das steht noch in weitem ...e** tio estas ankoraŭ malproksima; ankoraŭ la ezoko ne estas sur la hoko; **im ...e stehen** esti en la militejo; **zu ...e ziehen** militiri; **j—n aus dem ...e schlagen** cedigi iun;
**Fell / j—n das ... über die Ohren ziehen** ruze ekspluati iun; **j—n das ... gerben** tani la haŭton al iu; **er hat ein dickes ...** oni povas haki lignon sur lia kapo;
**Fenster / das ... geht auf den Hof** ... rigardas al la korto;
**fern / es liegt mir völlig ...** mi tute ne intencas (kredas, opinias); **er steht mir ganz ...** ni estas tute malintimaj; **in der ...e** malproksime; en malproksima lando; **aus weiter ...e** de tre malproksime; **das liegt noch in weiter ...e** malproksime en la kampo;
**fertig / j—n ... machen** elĉerpi (ellacigi) iun; **... werden** majstri iun (ion; **etwas ... kriegen** fakte kapabli; **ich bin ... mit essen** mi finmanĝis;
**Fest / die Kurse bleiben ...** la kurzoj restas firmaj; **rauschende ...e** brilaj festoj; **...en Fuß fassen** sin firme loki; **der ...en Meinung sein** havi la firman opinion.
**fett / das macht das Kraut nicht ...** tio ne donas la saŭcon al la rostaĵo; **er hat sein ... weg** mi faris al li bonan lavon; **er zehrt von seinem ... vergangener Jahre** li konsumas sian grason; li vivas de ŝparita kaso;
**Feuer / ... machen** ekbruligi fajron; ekhejti; **... anlegen** krimbruligi ion; **... geben** ekpafi; (z. Zigarre) doni fajron; **... fangen** ek/bruli; ...flami; **das Schiff steht unter ...** ...estas surpafata (bombardata); **... und Flamme sein** flami; ardi; bruli; entuziasmi por; **in ... kommen** flamiĝi; **mit ... und** Schwert per fajro kaj glavo; **er geht für mich durchs ...** li staras por mi kiel muro kaj turo;
**fidel / ein ..es Haus** gajhumorulo;
**Figur / er spielt eine komische ...** li ludas komikan rolon; li figuras ridige; **sie ist von voller ...** vastbusta; **wie ...a zeigt** kion oni ekkonas unuavide;
**finden / es wird sich alles ...** ĉio aranĝos; **sich geehrt ...** senti sin honorata; **sich zurecht ..** trovi la vojon; **sich in etwas ...** akomodiĝi; (al)kutimiĝi); adaptiĝi al; **... Sie nicht, daß** ĉu vi ne opinias, ke; **Beifall ...** esti aplaŭdata; **nichts dabei ...** trovi nenion malbonan en;
**Finger / durch die ... sehen** indulgi; ŝajnigi sin vidanta nenion; fermi la okulojn kontraŭ; **einem auf die ... sehen** severe kontroli iun; **das kann man sich an den ...n abzählen** por tion kompreni ne necesas peni; **es zuckt mir in den ...spitzen** la mano min jukas;
**finster / ...e Miene** mal/ŝercema (...gaja, ...serena) mieno;
**Fisch / weder ... noch Fleisch** nek fiŝo nek viando; nek por haki, nek por baki; nek lakto, nek selakto; fluidaĵo sen difino; nek vinagro nek vino; nek pikite, nek hakite; ĉesis esti vino, sed vinagro ne fariĝis; nek pio por Dio nek kapablo por diablo; li taŭgas nek por studo, nek por ludo; **... will schwimmen** fiŝo sen vino estas veneno; **kleine ...e** nenio eksterordinara (miriga);
**fix / ... und fertig** tute preta; **...e Idee** monomanio; **... oder nix** aŭ festo, aŭ fasto; aŭ festene, aŭ malplene; aŭ ministran postenon, aŭ pundnoman katenon;
**Flagge / die ... streichen** malhisi la flagon; **halb(mast)stock ..n** meti flagon duonalte;
**Flamme / in ...n stehen** flam(e brul)i; esti en flamoj; **in ...n setzen** (ek)flamigi; **in ...n aufgehen** flam(konsum)iĝi;
**Flanke / in die ... fallen** flankataki ...n;
**Flasche / dem Kinde die ... geben** nutri infanon per suĉbotelo; **auf ... n füllen** enboteligi bieron; **das Bier ist ...nreif** ...taŭga por enboteligo;
**flau / Baumwolle ist ... an der Börse** kotono estas malmulte demandata;
**Fleck / vom ... weg engagieren** dungi iun tuj (senprokraste, senhezite); **blauer ...** subsangum/aĵo; ...ita loko; **das Herz auf dem rechten ... haben** havi la kapon sur ĝusta loko; **nicht vom ...e kommen** ne progresi;
**Fleisch / ein Wesen von ... und Bein** estaĵo kun karno kaj ostoj; **das Wort ward ...** la vorto korp/iĝis (enkarn...); **das ... ist schwach** la karno estas nerezistema; **in ... und Blut übergehen** eniĝi en la sangon; **des ...es Lust** volupto; **sich ...lich vermischen** koiti; **...liche Lust** seksvolupto;
**Fleiß / etwas mit ... tun (d. i. absichtlich)** intence fari ion; **eine ...ige Arbeit** laboro kun diligento farita;
**Fliege / zwei ...n mit einer Klappe schlagen** kontentigi la katon kaj kune la raton; trafi du celojn per unu ŝtono; unu pafo duobla trafo; nun la lup' estas sata, kaj la ŝaf' ne tuŝata;
**flieg/en / ...ende Fische** flugfiŝoj; ekzocetoj; **...ender Holländer** marvaganta holandano; **...ender Hund** pteropo;
**fließen / ...de Umrisse** necertaj (ŝanĝiĝantaj) konturoj; **leicht ...de Tinte** tre fluida inko;
**flimmer/n / es ...t mir vor den Augen** punktoj flugas antaŭ miaj okuloj;
**Floh / ... im Ohr** muŝo en kapo; **er macht aus einem ... einen Elefanten** li faras el muŝo elefanton;

(Daŭrigo de pĝ. 8)

*al li frazon de la Kongrespodio pri Esperanto kiel la latino de la proletaro.*

Sed eble Lenin eldiris la frazon menciitan en la rememoraĵoj de I. Ĉaĉe en iu alia tempo kaj en iu alia loko?

La frazo pri la lingvoprivilegioj ne estas elpensita sed apartenas al Lenin. En sia artikolo „Kritikaj notoj pri la nacia problemo", verkita en oktobro-decembro 1913 (do 1½ jaroj post la Kongreso!). Lenin skribis: *„Nacia programo de la laborista demokratio: Neniu, senkondiĉe, privilegiojn al iu ajn nacio, al iu ajn lingvo".*[11])

Al tiu-ĉi lenina frazo estas arbitre alkroĉita de I. Ĉaĉe la kvazaŭ lenina eldiro pri Esperanto kiel lingvo de la proletaro kaj tiuĉi kunfandaĵo komencis sian marŝiron tra la esperantista mondo. En kelkaj landoj oni aperigis eĉ fotitajn poŝtkartojn kun portreto de Lenin kaj ambaŭ tekstoj, kvazaŭ prezentantaj la vortojn de Lenin eldiritajn dum la kunsido de la VIII-a Esperanto-kongreso!

En la rememoraĵoj de I. Ĉaĉe abundas aliaj, ne tiel gravaj malĝustaĵoj malakurataj kaj malprecizaj informoj. Kiel ekzemploj estu menciataj nur kelkaj. I. Ĉaĉe skribas, ke al la Krakova Kongreso Lenin venis piede el karpata kuracloko Poronin, kiu distancis 7 verstojn de Krakov. Sed Poronin situas proksime de kuracloko Zakopane (pli ol 70 km de Krakov) kaj Lenin tute ne estis devigita piediri tiun ĉi grandan distancon, des pli, ke kiel atestas N. K. Krupskaja, ŝi kaj Lenin translokiĝis al Poronino en aprilo 1913, ok monatojn *post* la krakova kongreso.

I. Ĉaĉe notas, ke la III-a Tutruslanda (I-a sovetia) Esperanto-kongreso okazis en Petrogrado en „la belega palaco de Aniĉkin" (evidente Aniĉkov S. P.). Sed tiu-ĉi aserto estas malĝusta. La kongreso okazis en la Palaco de la estinta princo Sergeo, cara parenco. La palaco troviĝas sur alia bordo de la rivero Fontanka.

Kompreneble, similaj malĝustaĵoj estas bagateloj, kompare kun la supremenciitaj, tamen ili estas tre multenombraj kaj nevole kreas malkonfidon al la rememoroj entute.

La lastaj okupis relative grandan spacon en tiu-ĉi artikolo, ĉar I. Ĉaĉe estas la ĉefa disvastiganto de la informoj pri la rilato de Lenin al Esperanto, sekve prenis sur sin la rolon de historiisto de la sovetia Esperanto-movado, tuŝante unu el la plej respondecaj ĝiaj problemoj. Ĉiu historiisto devas plej singardeme kaj rigore kolekti faktojn, certigantajn liajn supozojn kaj *publikigi nur tion, kio estas nerefuteble atestata per dokumentoj.* Agante kontraŭe, la historiisto kaŭzas malutilon kaj al la historio kaj al la socio.

*Da dua fonto,* el kiu venas sciigoj pri eldiroj de Lenin rilate Esperanton kiel lingvon de la proletaro estas rememoroj de la konata ĉeĥa esperantisto *prof. Miloŝ,* kiu en la jaro 1950 publikigis artikolon en la revuo „Esperantisto slovaka" n-ro 34.[12])

En la artikolo, titolita „Esperanto-la lingvo de la tutmonda laboristaro", prof. Lukaŝ rememoras, ke en la jaro 1920 li intervjuis la tiaman ĉefon de la soveta misio en Praha, *d-ron Hillerson,* en la ĉeesto de tradukisto *Simon Elioviĉ* el Harjkov. Hillerson asertis, ke li multfoje pridiskutis kun Lenin la problemon de lingvo internacia kaj ke Lenin nomis Esperanton „lingvo de la proletaro". Jen la dua versio rilate la eldirojn de Lenin pri Esperanto. Tiu-ĉi indiko, sendube, estas tre grava, sed, bedaŭrinde, ĝis nun estis neeble trovi iujn post-

signojn de tiu Hillerson. Tamen en la respondo al sovetia esperantisto *A. Hovanski,* datita la 27-an de aprilo 1963 n-ro OIO/480, la tiama scienca sekretario de IMEL, M. Iskrov, menciante diversajn rememorojn, indikas interalie Hillerson, pri kiu estis presite en la ĵurnalo „Makeevski raboĉij“ („Laboristo de Makeevka“) en Dona karboregiono (numero de la 29-a de marto 1958). Tial aperas grava tasko por la polaj, ĉeĥoslovakaj, moskvaj kaj ukrainaj esperantistoj-historiistoj de nia movado, daŭrigi siajn serĉojn por ricevi finfine klaran bildon pri la problemo, kaj publikigi la rezultojn de ilia komuna laboro. *Kaj ĝis la fino de ilia laboro oni devas tute ĉesigi la disvastigon de la ne pruvitaj informoj.*

**4. Lenin-interesiĝanto pri internacia lingvo?**

Estis analizitaj du vidpunktoj, diametre kontraŭaj unun al la alia: la unua deklaranta, ke Lenin estis kontraŭulo de Esperanto, la alia ke Lenin estis fervora adepto de Esperanto kaj eĉ esperantisto. Evidentiĝis, ke ambaŭ vidpunktoj ne povas esti bazataj sur firma fundamento de nerefuteblaj faktoj kaj fidindaj dokumentoj. Tial povas aperi *tria vidpunkto: ke Lenin ne interesiĝis pri la problemo de internacia lingvo kaj estis tute indiferenta rilate al Esperanto.* Sed tiuĉi vidpunkto estus same erara kiel la du antaŭaj. Ekzistas faktoj kaj argumentitaj supozoj, ke Lenin ne preteriris tiun-ĉi problemon, observis la esperantan movadon, interesiĝis pri la eblo uzi ĝin por la celoj de la tutmonda revolucia movado. Ni transiru al la analizo de tiuj-ĉi faktoj. Lenin loĝis en Krakov, kiam kunvenis la VIII-a Universala Kongreso de Esperanto, kiun partoprenis 1000 geesperantistoj. Por Krakov, tiam relative malgranda pola urbo, la internacia kongreso estis fenomeno neordinara, kiu ne povis ne elvoki grandan intereson de la tuta gazetaro kaj vastaj tavoloj de la loĝantaro. Kompreneble Lenin sciis pri tiu-ĉi Kongreso kaj eble, eĉ vizitis iun el ĝiaj kunsidoj, kvankam, certe, ne oficiale. Sed la dua fakto devis elvoki multe pli grandan intereson de Lenin: temas pri la okazinta la 15-an de aŭgusto 1912 granda publika kunveno, kiun partoprenis 2000 homoj kaj kiu estis organizita laŭ iniciato de la krakova komitato de la Pola Social-Demokratia Partio. En kieva, ruslingva ĵurnalo „*Kievskaja Poĉta*“ (Kieva poŝto) nro 1129 de la 20-a de aŭgusto 1912, estis aperigita informo de speciala korespondanto de la ĵurnalo, V. Traĉevski. Jen estas la teksto de tiu-ĉi informo:

*„La 15-an de aŭgusto 1912, ĵaŭde en la natura parko okazis publika kunveno pri la temo „Socialismo kaj Esperanto“, kiun partoprenis kelkaj miloj da lokaj enloĝantoj, por kiuj la paroladoj, faritaj en Esperanto estis tradukitaj pollingven. Dum du horoj paroladis reprezentantoj de 8 nacioj, interalie ankaŭ unu el la redaktoroj de „Humanité“.*

*La kunveno akceptis tri rezoluciojn, el kiuj unu estis platoneca („Pri ĉesigo de militoj“), sed la dua pri la agnosko de Esperanto kiel kvara oficiala lingvo de socialistaj kongresoj, versajne estos efektivigita“.*

Jen estas la teksto de la dua rezolucio, kiu estis publikigita en Esperantista Dokumentaro: [13])

*„Kunvenintaj en Krakovo la socialistoj-esperantistoj opinias:*

*1. ke por efektiva realigo de socialistaj ideoj estas necesa helpa lingvo, kiel dua lingvo de ĉiu kamarado kaj kamaradino,*

*2. ĉar la ideo de helpa lingvo internacia estas tiel grava, tial la socialistaj partioj de ĉiuj landoj devas klopodi pri tio, ke Esperanto estu*

*enkondukota kiel eble plej baldaŭ, kiel minimume, nedeviga objekto en la lernejojn,*

*3. oni devas fervore klopodi por ke Esperanto fariĝu la kvara lingvo de la internaciaj socialistaj kongresoj."*

Ĉu estas eble, ke Lenin ne sciis pri tiu-ĉi grava, multenombra kunveno, kies unu el la organizantoj estis la tiama proksima kunlaboranto de Lenin, pola socialisto *Boleslaw Drobner?* Kompreneble, ne!

Ne estas konate, ĉu Lenin ĉeestis tiun-ĉi kunvenon, tio estus tre verŝajna. Kaj same verŝajne, ke tiuj-ĉi eventoj povis estigi ĉe Lenin ideon pri eventuala pozitiva rolo de Esperanto en la revolucia movado tutmonda. Kaj ĉu la sekvanta dokumento, aperinta post ok jaroj, kiu estas konsiderenda kiel *la plej grava el ĉiuj atestiloj pri ebla rilato de Lenin al Esperanto* ne estis reeĥo de tiu-ĉi ideo, aperinta en la jaro 1912? Jen tiu-ĉi dokumento.

En la jaro 1920 kunvenis la II-a Kongreso de la Komunista Internacia. La tagordo de la Kongreso konsistis el 13 punktoj kaj la lasta el ili tekstis: „Pri Esperanto" [14])

Estas aldonita listo de la kongresaj dokumentoj kaj ĉe numero 20 oni legas: „Pri Esperanto" [15])

Estas ankaŭ aldonita listo de la problemoj, pri kiuj parolis la delegitoj kaj kvanto da parolintoj. Inter la problemoj estas indikita „Pri Esperanto", I-a parolado. [16])

Bedaŭrinde en la libro estas publikigitaj nur la plej gravaj rezolucioj kaj la rezolucio pri Esperanto mankas. Eble eĉ ne estis speciala rezolucio.

Estas konate, ke Lenin estis la iniciatinto, fondinto kaj gvidanto de la Komunista Internacio. Ĝis lia malsano li plej aktive partoprenis ĉiujn laborojn de Komintern kaj gvidis la laboron de ĝiaj kongresoj. Estas absolute klare, ke Lenin aŭ iniciatis aŭ almenaŭ subtenis la proponon enmeti en la tagordon de la, kongreso, superŝutita per gravegaj problemoj, la diskutpunkton pri Esperanto. Legante tiun-ĉi dokumenton oni povas klare vidi kiom ridigaj estas la vanaj penoj de la kontraŭuloj de Esperanto prezenti Lenin kiel homon, konsiderinta Esperanton utopia, morta, por neniu necesa lingvo.

En junio 1921 kunvenis la III-a Kongreso de Komintern kaj denove la tagordo, konsistanta el 22 punktoj, enhavas specialan punkton „Pri internacia lingvo" [17]). Tiu-ĉi fakto atestas, ekster iu dubo, ke la intereso, kiun havis Lenin rilate la eventualan eluzon de Esperanto por la celoj de internacia laborista movado, estis ne hazarda kaj rapide preteriranta sed firma kaj longedaŭra.

Tial estas tute ne mirinde, ke kiam en la sama jaro 1921 sovetiaj esperantistoj petis la registaron, kies gvidanto estis Lenin, permesi kunvokon de la tutrusia Esperanto-Kongreso por organizo de tutlanda Esperanto-Asocio, ili ricevis aprobon kaj subtenon flanke de la registaro. La kongreso kunvenis en junio 1921 en Petrogrado. Pli ol 200 geesperantistoj, venintaj el ĉiuj partoj de la lando, eĉ de malproksimaj Mezazio, Jakutio kaj Malproksima Oriento, dum kvin tagoj kunsidis en luksa palasto.

Ili ĉiuj havis senpagajn fervojajn biletojn, senpagajn loĝejojn kaj nutradon. La Kongreso fondis SEU (Sovetrespublikara Esperantista Unuiĝo) kun la Centro en Moskvo kaj komitatoj en ĉiuj sovetiaj respublikoj, urboj kaj urbetoj. SEU disvolvis grandan organizan, propagandan kaj instruan laboron, eldonis dank' al la malavara financa kaj materiala subteno de la registaro grandan nombron da lerniloj, politikan sciencan kaj beletran literaturon kaj kelkajn revuojn.

Oni devas speciale atentigi, ke tiu-ĉi subteno de la esperantista movado flanke de la sovetia respubliko estis efektivigata dum tre malfacila vivperiodo de la juna sovetia ŝtato: tiam ankoraŭ ne estis tute venkitaj la imperialistaj intervenintoj kaj kontraŭrevoluciuloj, ankoraŭ ne estis likviditaj la postsekvoj de la intercivitana milito, la lando estis minacata de malsatego, kiu en la jaro 1921 furiozis en la apudvolgaj regionoj.

En tiu-ĉi artikolo estis neeble priskribi ĉiujn aliajn faktojn montrantajn pozitivan rilaton de Lenin al la ideo, uzi internacian lingvon por la celoj de la internacia laborista movado.

Interalie grandan intereson prezentas la agado de la Esperantista Sekcio de Komintern (ESKI), kiu fondiĝis en la jaroj antaŭintaj la jaron de la Sovetlanda Esperanto-Kongreso. Tiu-ĉi organizaĵo, kies fondiĝo, certe, ne povus okazi sen la konsento de Lenin, bedaŭrinde ne postlasis publikitajn materialojn.

### 5. Zorge kaj skrupule analizi

La granda tasko, kiu staras antaŭ ĉiuj esperantistoj-historiistoj precipe en la socialismaj landoj estas: zorge, skrupule kolekti ĉiujn faktojn kaj dokumentojn, kiuj nerefuteble atestas pri la pozitiva rilato de Lenin al Esperanto, analizi ilin, kontroli ilian ĝustecon kaj publikigi ilin. Samtempe necesas akre kontraŭbatali ajnajn provojn de la kontraŭuloj de Esperanto, kiuj penas per falsigitaj informoj „pruvadi“, ke Lenin estis kontraŭulo de la lingvo internacia. Samakre oni devas kontraŭbatali tiujn adeptojn de Esperanto, kiuj manipulante per nepruvita kaj nepruveblaj famoj kaj onidiroj penas troigi la rilatojn de Lenin al Esperanto, fari el Lenin esperantisto ktp. Ili ne komprenas, ke tiel agante, ili kuniĝas kun la malamikoj de la esperantista movado, verŝante akvon en la muelejon de la malamikoj de Esperanto. La progresemaj esperantistoj en la tuta mondo devas streĉi siajn fortojn por praktike pruvi, ke Esperanto povas grave helpi la tutmondan revolucian movadon, la konstruadon de la socialismo kaj komunismo, la atingon de firma paco sur la tero kaj tiel servi la ideojn, por kiuj luktis Lenin. Tiel agante la progesemaj esperantistoj faros decan omaĝon al la granda pensulo, revoluciulo kaj gvidanto, kies 100-jaran jubileon nunjare celebras la homaro.

### 6. Notoj

1) Revuo „Juna gvardio“, nr. 2—3, pĝ. 62, 1924
2) „Leninskij sbornik“, vol. XXX, pĝ. 3, rusa eldono. 1957
3) V. I . Lenin, Plena Verkaro, rusa 5-a eldono, vol. 24, pĝ. 38
4) „Leninskij sbornik“, vol. XXX, pĝ. 61—71, 3-a rusa eldono, 1957
5) Samloke pĝ. 64
6) V. I. Lenin, Plena Verkaro, rusa 5-a eldono, vol. 31, pĝ. 24
7) „Raboĉe-krestjanski korrespondent“ (laborista-kamparana korespondanto), nro 21, 1928
8) „Komsomolskaja Pravda“, 30. 1. 1930, pĝ. 3
9) „Drug bolŝoj, zabotlivy“ (amiko, granda, zorgema). Korespondado de N. K. Krupskaja kun la pioniroj. Eld. „Juna Gvardio“ 1969, pĝ. 64—65
10) „Esperanto“, oficiala organo de UEA, Rotterdam, februaro 1969, pĝ. 26
11) V. I. Lenin, Plena Verkaro, vol. 24, 5-a eldono, pĝ. 118
12) Tiun-ĉi fakton komunikis al la aŭtoro s-ro Marian Kostecki. Pollando
13) Esperantista Dokumentaro. Oka Universala Kongreso de Esperanto (Krakovo, 11—18. Aŭgusto 1912). Paris 1913, pĝ. 163—164
14) 10 jaroj Komintern en decidoj kaj ciferoj. Informlibro pri la historio de Komintern, Ŝtata eldonejo Moskvo—Leningrado 1929, pĝ. 34
15) Samloke pĝ. 34
16) Samloke pĝ. 52
17) Samloke, paĝoj 57 kaj 78

La subtitolojn enmetis la redakcio.

**Resumé zu „Lenin und Esperanto“**

In den letzten Jahren. und besonders im Leninjahr erschienen in einigen wichtigen Esperanto-Zeitschriften „Erinnerungen“ und „Dokumente“ über angebliche Meinungsäußerungen W. I. Lenins über Esperanto, zu denen der Autor Stellung nimmt.

Der Autor des Artikels, Prof. S. N. Podkaminer, Leningrad, ist einer der eminentesten Esperantisten der Sowjetunion, Hochschuldozent und Leiter der Kommission internationale Verbindungen des Leningrader Friedenskomitees. *Er war einer der Stellvertreter von Oberst Tulpanov in der SMAD nach 1945.*

Prof. Podkaminer hat sich intensiv mit der Leninlegende über Esperanto beschäftigt. Seine nüchterne marxistische Analyse bringt folgende Ergebnisse:

Es bestehen zwei diametral einander entgegengesetzte „Erinnerungen“:

a) *Lenin habe sich öffentlich gegen Esperanto ausgesprochen,*

b) *Lenin sei ein Freund des Esperanto gewesen und habe dieses bei verschiedenen Gelegenheiten zum Teil öffentlich geäußert.*

Prof. Podkaminer weist nach, daß die unter a) erwähnte Behauptung, die auf Erinnerungen eines E. Didrikil basieren und leider häufig nachzitiert wurden, nicht wahr sein könne. Nach E. Didrikil habe Lenin auf einer Konferenz in Bern 1913 die Versuche, eine Kunstsprache wie Esperanto oder Volapük international einzuführen, für utopisch erklärt. *In sämtlichen Materialien über die von Lenin 1913 in Bern gehaltenen Vorträge (zur nationalen Frage) sind keinerlei Anhaltspunkte für die Richtigkeit der Behauptungen Didrikils enthalten.*

Auch die zweite, unter b) aufgeführte Behauptung, die sich auf „Erinnerungen“ des lettischen Esperantisten Ints Ĉaĉe stützen, können in keiner Weise belegt werden. Danach habe Lenin auf dem VIII. Internationalen Esperantokongreß 1912 in Krakow vor den Kongreßteilnehmern erklärt „Keine Nation und keine Sprache ist privilegiert... Esperanto ist das Latein des Proletariats, und ich hoffe, daß diese Sprache dank ihrer Leichtigkeit der Verständigung auf der Welt helfen wird“.

Podkaminer zeigt, daß der erste Teil des Ausspruches der Arbeit „Kritische Bemerkungen zur nationalen Frage“ entnommen ist, in der Lenin sich wiederholt auch für die Gleichberechtigung der Sprachen ausspricht. Belege für den zweiten Teil des Ausspruches sind nicht vorhanden. Aufgrund verschiedener eindeutiger Fakten (Illegalität Lenins in Polen, Erinnerungen von Kongreßteilnehmern usw.) *kann Lenin auf diesem Kongreß öffentlich nicht aufgetreten sein.*

Podkaminer wendet sich dann energisch gegen jegliche „Erinnerungen“, die, zumal sehr widersprüchlich, in keiner Weise belegt werden können. *Er hält allerdings eine positive Haltung Lenins zum Esperanto für sehr wahrscheinlich* und führt als Fakten an:

a) 1920 und 1921 hatte der II. und III. Kongreß der Komintern (offensichtlich mit Kenntnis Lenins) Tagesordnungspunkte „Über Esperanto“ und „Über die internationale Sprache“ behandelt. Daraufhin wurde bei der Komintern eine Esperanto-Sektion gegründet. Beschlüsse oder Resolutionen hierzu sind aber noch nicht gefunden worden.

b) Im Juni 1921 wurde mit großzügiger Unterstützung der sowje-

tischen Regierung der 1. sowjetische Esperanto-Kongreß durchgeführt, der zur Gründung des Esperanto-Verbandes der Sowjetunion (SEU) führte.

c) Die Esperantobewegung entwickelte sich seit dieser Zeit in der SU mit großzügiger Unterstützung durch die sowjetische Regierung außerordentlich stark (Radio, Presse, Literatur, Kurse). Diese in der Welt bisher einmalig starke Entwicklung, die sowohl national als auch international sehr spürbar war, wäre ohne eine Billigung Lenins undenkbar gewesen.

Podkaminer fordert dann abschließend, daß die fortschrittlichen Esperantisten der Erde Esperanto in den Dienst der internationalen revolutionären Bewegung, des antiimperialistischen Kampfes und des Aufbaus des Sozialismus und Kommunismus stellen müssen. Damit dienen sie dem Fortschritt und handeln im Sinne Lenins. D. B.

**Leninfeiern in der DDR**

Anläßlich des 100. Geburtstages von W. I. Lenin wurden in vielen Esperantogruppen erfolgreiche Veranstaltungen durchgeführt. In Anklam, Berlin, Potsdam, Rathen, Rostock, Suhl, um nur einige Orte zu nennen, wurde der in Esperanto synchronisierte sowjetische Tonfilm „Lebendiger Lenin" (Regie M. Romm) gezeigt. Eingestimmt durch diesen Film und durch das berühmte Gedicht von Bert Brecht „Die Teppichweber von Kujan Bulak ehren Lenin", in der Esperantofassung vorgetragen, führten die Veranstaltungen zu wertvollen Diskussionen über die Verbesserung der Gruppenarbeit, eine Verbesserung im Sinne Lenins: Unsere Tat der **DDR.**

**Pri la 55a UK de Esperanto**

en Vieno 1970, kiun partoprenis 2000 esperantistoj el 46 landoj kaj pri la aktiva partopreno de delegacio de Germana Kulturligo sub gvido de komerca konsilisto Rudi Graetz raportis la organo de CK de SED „Neues Deutschland" en siaj eldonoj de la 4a kaj de la 10a de aŭgusto 1970. Ankaŭ la aliaj en GDR aperantaj tagaj gazetoj raportis pri tiu ĉi evento.

**Erfahrungen mit Kassierern in Leipzig**

Außer dem ordentlichen Gruppenvorstand haben wir für die verschiedenen Stadtbezirke (Osten, Süden, Westen, Norden und Zentrum) Unterkassierer, die zum erweiterten Vorstand gehören. Durch den Einsatz von Unterkassierern erreichen wir, daß Freunde, welche aus Berufs- oder anderen Gründen nicht regelmäßig am Gruppenleben teilnehmen können, regelmäßig kassiert werden. Es besteht somit ein enger Kontakt mit der Gruppe und seinen Mitgliedern. Zum anderen können wir bei besonderen Anlässen, z. B. Besuch von Ausländern, Kursangelegenheiten u. ä., auf Bildung von Kommissionen und Kommissiönchen verzichten. Da jeder Unterkassierer nur einige Freunde in unmittelbarer Nähe seiner Wohnstatt zu betreuen hat, können die Freunde auch kurzfristig über Neuigkeiten informiert werden und sind stets im Bilde, z. B. über Erscheinen des „der esperantist" und dergleichen.

Wer kann über weitere gute Erfahrungen berichten?

*Erich Löwe, Leipzig*

# DISTRO

## Anekdotoj pri Nasr-Eddin Hodja

Foje en la banejon iris Hodja. Sed oni tre malbone zorgis pri li. Malpuran viŝilon oni donis al li, kaj ankaŭ la banvestajo estis ĉifita. Nenian rimarkon faris pro tio Hodja, sed kiam li forlasis la banejon, kvin arĝentajn monerojn li metis sur la spegulplaton. Tiom multe da mono eĉ riĉuloj ne kutimas doni. Miris pri tio la servistoj de la banejo. Post semajno denove venis la Hodja tien. Nun jam oni tre favoris kaj bonege servis lin. Hodja denove diris nenion. Sed kiam li elpaŝis el la banejo, kupro-moneron li metis sur la spegulplaton. Tre miris la servistoj, kaj riproĉis akre Hodja-n pro la bagatela trinkmono. Respondis al ili Hodja: La hodiaŭa kupromonero estas por la pasintsemajna banado, la tiamaj kvin arĝent-moneroj por la hodiaŭa.

Lakton vendis foje Hodja, kaj kiam li iradis tra la stratoj, oni invitis lin en domon por aĉeti lakton de li. Oni enrigardis en lian laktujon, kaj jen, nur akvo estis en ĝi. „Aj, aj! — ekkriis Hodja — Mi forgesis alverŝi la lakton."

Mortinton oni akompanis al la tombejo. Inter la akompanantoj estas ankaŭ Hodja. „Efendi Hodja — oni demandis lin —, ĉu ni devas antaŭaŭ postiri la ĉerkon?" „Se vi ne enestas en la ĉerko, ĉu ne egalas por vi, ke antaŭ aŭ post ĝi vi iras?

---

### Solvo de krucvortenigmo el nro 40/41

**Horizontale:** 1. ironi, 5. kluki, 8. odori, 9. adamo, 11. armeo, 13. kamel, 14. boat, 15. ari, 16. oro, 18. lod, 20. oni, 22. ano, 24. iri, 26. anod, 28. nikel, 30. krozo, 31. knabo, 32. orelo, 33. korno, 34. ojstr.

**Vertikale:** 2. radar, 3. nome, 4. idolo, 5. krabo, 6. liro, 7. kreto, 9. akaro, 10. amikino, 12. maldika, 17. ran, 19. drilo, 21. nardo, 22. adoro, 23. onklo, 25. rebat, 27. ozon, 29. inoj.

---

### Enigmo

*Estas mi proksima ĉiam*
*Sed atingas vin neniam.*
*Ĉar apenaŭ mi alvenas*
*Novan nomon mi ekprenas.*

(„n̯ɐƃɹoɯ")

### AMLETERO

*La filino legas ĝin tra la rozaj okulvitroj de la nesperta juneco: „Kara mia, donu al mi vian MANON. Mi povas vivi nur POR vi. Per FLOROJ kaj BALOJ mi plenigos vian tutan vivon. Kun via KISO mi iros al la fino de la mondo!"*
*La patrino legas ĝin tra la malhelaj okulvitroj de la sperteco: „Kara mia, donu al mi vian MONON. Mi povas vivi nur PER vi. Per PLOROJ kaj BATOJ mi plenigos vian tutan vivon. Kun via KASO mi iros al la fino de la mondo!"* „El Esperanta Heroldo"

### Trovaĵo

*— Sinjoro! — diras gasto al la kelnero. —*
*Kion signifas tio? Mi trovis en la saŭco pantalonbutonon?*
*— Ho, mi dankas al vi! Tutan tagon mi ĝin serĉas ...*

# KORESPONDDEZIROJ

## ĈSSR

15 gejunuloj petas korespondon laŭ la devizo „Esperanto por la mondpaco". Adreso Anna Musilova, Leninova 467, **Podebrady.**

48jara komencantino, flegistino dez. koresp. Otilie Neruslova. Gersaimonova 12, **Ostrava 4.**

## Hungario

8–12 jaraj gelernantoj de ĝenerala lernejo dez. koresp. Skribu Johano Ingusz, Tomori 2, **Budapest XIII.**

## Pollando

12-jara lernantino, dez. koresp., interesiĝas pri muziko, geografio, fremdaj lingvoj, junul. problemoj, sporto kaj turismo, kol. pm. bk, diskojn, Rybicka Jadwiga, **Torun,** str. Szasa Lubicka 15a.

## Soveta Unio

Dez. koresp. kun kolektantoj, V. Sumanov, **Krasnojarks 62,** poŝtkesto 23.

Pri filatelio. lingvoj, libroj, sporto (hokeo, futbalo), angle kaj esperante, Viktor B. Dmitriev, Curupo 110-4, **Ufa-5,** Baŝkirio.

Koresp. dez. Ruŝa Svetikaite, str. M. Melnikaities. **Variena,** Litova SSR.

Junulino, 24jara pri ĉiuj temoj el ĉiuj landoj, Mario Kobzarenko, urbo **Velikie-Luki,** Pskovskoj obl. Novoslobodskaja d 2a.

16-jara lernantino dez. koresp. kun ĉiuj landoj, pri sporto, literaturo, muziko, Marina Novoseceva, Oktobra prospekto 51 Kv. 4, **Velikie-Luki,** Pskovskoj obl.

16-jara lernantino. dez. koresp. kun ĉiuj landoj, pri sporto, muziko kaj literaturo, fotoj, Nataŝa Kalinina, Oktobra prosp. 40/7 kv. 35, **Velikie-Luki,** Pskovskoj obl.

Junulara Esperanto-Klubo dez. koresp. abon. Jaŝĉik 140, Poĉtamt, **Taŝkent,** Uzbekio.

Anoj de klubo „Druĵba" (10–17jaraj): Anna Vojnaroviĉ, Klub „Druĵba" SŜ-6, **Adeevka** (Doneckaja obl.

Korespondon dez. lernantoj de „Ŝkola N. 37", **Rostov-Don,** Krasnodarskaja 68.

Anoj de internacia klubo volas koresp. kun geinstruisto kaj gelernantoj de ger- **Joniŝkelis,** Teknikumo, Internacia Klubo, manaj agrikulturaj teknikumoj. Adreso: Litovio.

F-ino Helle Härm, Viljandi rajon. **Laatre,** 8 kl. kool., Estona SSR, Sovetunio, dez. koresp. per. il. kart. kaj l.

F-ino Anne Ivask, Viljandi rajon, **Kopu kn.,** Kopu 8 kl. kool., Estona SSR, Sovetunio, deziras korespondi kun ĉ. land.

R-ino H lgi Kadak, Viljandi rajon, **Sürgavere s/jsk,** Sürgavere 8 kl. kool., Estona SSR, Sovetunio, dez. koresp. per. il. k. kaj let.

K-do Toomas Kiin, **Viljandi,** str. Leola 15b. Estona SSR, Sovetunio, dez. koresp.

F-ino Urve Lensment, **Moisaküla,** str. Riia 3-2, Estona SSR, Sovetunio, dez. koresp.

Esperanto-Klubo, Kulturpalaco **Klaipéda,** USSR, serĉas korespondamikojn.

Grupo de lernantoj en kulinara lernejo. Komuna adreso:

Leontiev Nikolaj Ĉudenko 98-5, **Barnaul 36,** Siberio, Soveta Unio.

Viktor B. Dmitriev, Curupo 110-4, **Ufa 5,** Baŝkirio - Soveta Unio - muziko, libroj, lingvoj, sporto, filatelo.

Uŝkova Tamara - 28-jara, **Moskvo B-143,** Otkritoe ŝosse, domo 17-9-63, Soveta Unio.

20 novaj, sed korespondspertaj membroj de E-klubo ĉe ĉokolada fabriko - kun ĉl pri ĉt. Adreso: Esperanto-klubo de „Kalev" **Tallinn,** Pärnu mnt. 139, ins. H. Listra, Estonio.

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.

Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke, Redaktionskommission: Otto Bäßler, Eugen Menger, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand.

Veröffenlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. – Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 603